[271]
XIX^a jaro. N^o 290 (3) ☆ Monata ☆ Marto 1923

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . . . . 10.— Fr. Sv.
Kun la membreco de UEA . . . . . . . 12.50 Fr. Sv.
Unu numero . . . . . . . . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.
*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

Anonco (unu centimetra kolonero) . . . . 2.— Fr. Sv.
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 0.50 Fr. Sv.
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . . 0.75 Fr. Sv.
*Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER — GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15^a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion*

**TEKSTO.** — *Pri la uzo de Esperanto.* — **Scienco:** *Reliefaj fotografaĵoj,* Cherblanc kaj L. Poncet. — **Literaturo:** *Infanaro,* A. P. Ĉeĥov. — *Tra la libraro.* — *Mia najbaro,* D-ro Emil Pfeifer. — *En boato,* N. Krassovskij. — *El Balmont.* — *Annabel Lee,* Rodes Mariott. — *La sonĝo.* — **Esperantismo:** *Komerca Konferenco en Venezia.* — *La Verda Kato.* — *Por la ekzisto de UEA.* — *Kroniko.* — *Tra la filatelio,* — *Tra la fakoj.* — *Tra la gazetaro.* — *Lingvaj studoj.* — *Finnlanda foiro.* — *Svisa Esperanta Societo.* — *Esperantista Literatura Asocio.* — *Oficiala Informilo de UEA.* — *Korespondado.* — *Esperantista Parolejo.* — *Esperantista Vivo.* — *Niaj Mortintoj.* — *Ŝako.* — *Reklamo.*

## Pri la uzo de Esperanto.

Oficiala interŝtata institucio, kiel la Internacia Labora Oficejo de la Ligo de Nacioj, de nun eldonas regulan bultenon en Esperanto, ĉar ĝi mem rimarkis per siaj statistikoj, ke tiu lingvo nun okupas la kvinan lokon laŭ tutmonda internacia uzado, tuj post la angla, franca, germana kaj hispana lingvoj. Por helpi la utilan disvastigon de tiu bulteno kaj profitigi al ĝi la maksimuman efikon de Esperanto-uzado, la Centra Oficejo de UEA konsentis dissendi ĝin al 7000 membro-abonantoj de la Universala Esperanto-Asocio, disestantaj en 54 landoj de la mondo.

Jam nun la helpa mondlingvo povas certigi tiamaniere al ĝiaj uzantoj pretan publikon da ĉiulandaj legantoj dank' al organizo de UEA. Tio estas konsiderinda forto, kiun iom post iom ekatentos ankaŭ aliaj gravaj institucioj.

Kiel konstatis la raporto de la Ligo de Nacioj pri Esperanto kiel helpa mondlingvo, „la potenco de lingvo estas granda forto". Oni mezuras tion laŭ la novaĵoj en la ĉiutaga gazetaro. Pri tiuj landoj, kies „grandaj lingvoj" estas vaste diskonataj, kiel angla, franca aŭ germana, oni multe legas en ĵurnaloj. Sed pri la aliaj landoj, kies lingvoj estas malpli diskonataj, kiel sveda, litova, ĉeĥa, ĉina aŭ japana, oni legas tre malmulte.

Tamen okazas ankaŭ en tiuj landoj interesaj aferoj. Ankaŭ ili havas valorajn industrion, arton, ekspoziciojn, foirojn, vidindaĵojn. Ĉar la ĵurnalistoj alilandaj legas nek ties lingvojn nek ties gazetaron, ili silentas pri ili kaj la publiko, detale informita pri ĉiu ŝerco aŭ pugnobato en la Parlamentoj de du aŭ tri landoj eĉ tute nescias ĉu okazis ĝenerala elekto aŭ rimarkinda ekspozicio en la aliaj.

Tial Esperanto povas alporti grandan utilon samtempe al tiuj landoj kaj al la ĵurnalistoj. Nombro da ili estas membro-abonantoj de UEA en diversaj landoj. Pliaj aliĝos iom post iom. Se tiuj landoj eldonas komunan bultenon en Esperanto por konigi eksterlande sian progresadon, la ĵurnalistoj povos elĉerpi el ĝi faktojn, informojn, ciferojn, novaĵojn, kiuj ebligos al ili verkadon de artikoloj pri la tieaj okazintaĵoj kaj gravaĵoj.

Tio estas la celo de tiu nova bulteno. La tuta materialo estas liverata — esperante redaktita — de la koncernaj ministrejoj, foiroj, naciaj gazetar- aŭ turism-oficejoj. La fonto estas oficiala kaj publika. Pri la enhavo UEA neniel estas responda kaj konsentas nur dissendi la presaĵon kondiĉe, ke ĝi ne entenu politikan polemikon aŭ atakon kontraŭ alia nacio.

Represo en nacia gazetaro kompreneble tre helpos la sukceson.

**Kiam vi skribas aŭ sendas monon al Universala Esperanto-Asocio, ne adresu al nomoj de personoj laborantaj en la oficejo!**



# SCIENCO



## Reliefaj fotografaĵoj.

Ĝis nun, la reliefa sento povis esti havigata, praktike, nur per la stereoskopa metodo. Laŭ tiu metodo, oni fotografas la objektojn per du objektivoj lokitaj sur unu aparato, kiu donas samtempe du bildojn akordiĝantajn kun la vido de la objekto per ĉiu el niaj okuloj.

Tiuj bildoj, lokitaj sur sama ebeno, ĉe la distanco akordiĝanta kun la normala interspaco de niaj okuloj, estas rigardataj en la aparato nomita stereoskopo, kie la duokula vido surmetas iun sur la alian.

La stereoskopa fotografado, krom tio ke ĝi necesigas specialan aparaton por la vidado de la bildoj, povas nur taŭgi por bildoj havantaj malpligrandigitajn dimensiojn.

Plie la reliefa sento tiel havigata malhavas profundecon kaj la aspekto similas al tiu de siluetoj, de teatraj dekoracioj malbone interligitaj. Tial oni trafas tiamaniere nur maldelikatan prezentadon de la objekto vidata en la spaco.

Fine la stereoskopa fotografado bezonas enfokusigon rilate al ĉiu observanto kaj postulas, ke la okuloj estu ne tro malsimilaj. Pro tio ekzistas ne malmultaj personoj, kiuj ne kapablas vidi la stereoskopian reliefon.

La nova procedo de S-ro *Louis Lumière,**) kiun li nomis „Fotostereo-sintezon“, estas bazita sur konceptado tute malsama ol la stereoskopo. Ĝi permesas al ĉiuj vidi objektojn tiajn, kiaj ili estas en la spaco, sen ia speciala aparato.

La principo de la nova elpensaĵo estas teorie tre simpla: ĝi konsistas je divido de objekto, de difinita diko, en serion da paralelaj tranĉaĵoj, interspacegalaj aŭ ne, kiujn oni fotografas laŭ la sama skalo, efektivigante tiun kondiĉon, ke ĉiu bildo prezentas nur la sekcion de la objekto laŭ la ebeno akordiĝanta.

Se temas, ekzemple, pri faro de portreto reliefa, sufiĉas dividi fotografe la kapon, el la plej elstara parto, la nazo, ĝis la parto videbla la plej malproksima, la orelo ekzemple, en serion da ebenoj vertikalaj. Fotografante ĉiun el tiuj ebenoj, oni havigos serion da negativaj bildoj. Tiuj negativaĵoj povos liveri la saman nombron da pozitivaj bildoj sur vitro per la procedoj kutimaj por akiri tiajn pozitivaĵojn. La surmeto de tiuj ekzempleroj travideblaj povos restarigi, en la spaco, la ŝajnon de la objekto fotografita. Sufiĉos por tio, ke la interspaco de la bildoj surmetitaj estu sama kiel tiu de la diversaj ebenoj fotografitaj.

Malgraŭ ke ŝajnas necese, teorie, surmeti nombron senliman da ekzempleroj senlime pliproksimigitaj, por havigi restarigon perfektan de la objekto, tiu kondiĉo ne estas praktike necesa, kaj la sperto aperigis, ke malgranda nombro da bildoj sufiĉas por doni al la okulo la senton de la kontinuo, se ĉiu bildo akordiĝas, ne al ebeno, kio estas neefektivigebla, sed al volumo fokusa sufiĉe malgranda.

Se oni provas trafi tiun rezultaton per objektivoj tre lumaj oni konstatas, ke la profunda amplekso de tiuj objektivoj estas tro granda; tio estas ke, por sama pozicio de la objektivo, la partoj de la objekto, lokitaj en ebenoj pli aŭ malpli malproksimaj, estas reproduktitaj egalnete; kaj male estus necese, en la procedo priskribita, ke tiu neteco estu ekzakte limigita je la parto de la objekto, kiun oni deziras fotografi.

Por forigi tiun ĉefan malbonaĵon, S-ro Louis Lumière elpensis turnigi cirkle la objektivon kaj la impreseblan platon ĉirkaŭ la celada akso, dum la daŭro de la espozo. Je tiuj kondiĉoj, por iu distanco el la objekto ĝis la objektivo, ĉiuj punktoj, lokitaj en la ebeno por kiu la neteco estas perfekta, konservas, sur la plato, sian bildon neta, dum tiu tuta turniĝo, kaj male la ceteraj punktoj, lokitaj ĉu antaŭ, ĉu malantaŭ tiu ebeno, estas des pli malnetaj ju pli malproksimaj ili estas.

S-ro Louis Lumière sukcesis praktike efektivigi tiujn kondiĉojn per ordinara fotografa kamero.

La samtempa turniĝo de la objektivo kaj de la plato dum la espozo estas havigata per krankoj.

La brakoj de la krankoj movantaj la antaŭan parton, kaj la malantaŭan, de la aparato, ne estas egalaj, kaj iliaj longoj dependas de la skalo, laŭ kiu oni agas. Tiel, por ricevi bildojn laŭ duonnatura grando, tiuj longoj estas: 4 centimetroj por la antaŭaj brakoj; 6 por la malantaŭaj.

La tutaĵo devas esti ĝustege ekvilibrigita kaj konstruita sen ia movlibero por eviti ĉian tremadon dum tiu turniĝo, ĉar la plej malgrava delokigo malfirmigus la neton de la bildo de la fotografita ebeno.

S-ro Louis Lumière spertis, ke perfekta ŝajno de la reliefo povas rezulti el la uzado de nur ses bildoj. Oni do faras sinsekve ses kliŝaĵojn ne modifante la enfokusigon de la aparato. Tiucele, oni alproksimigas, por ĉiu bildo, la aparaton al la modelo, tiel ke oni fiksu, sur la serio da kliŝaĵoj, la diversajn ebenojn elektitajn el la antaŭo ĝis la malantaŭo.

Se oni atente rigardas la ses elementajn bildojn, kiuj konsistigas la reliefan portretan fotografaĵon, oni vidas ke la neteca maksimumo pasas el la naza pinto ĝis unu el la okuloj, poste ĝis la alia, por atingi fine la orelan malantaŭon.

El tiuj negativoj tiel ricevitaj oni kopias korespondantan serion da ses pozitivaj bildoj, sesope pli malfortaj ol tiu, kiu taŭgus por ununura pozitivo.

Oni kunadaptas tiujn bildojn, laŭ taŭgaj interspacoj, fiksante ilin ĉe lignaj muntkadroj, kiujn oni kolone surmetas kaj poste senmovigas en skatolo, kies fundo konsistas el malpolurita vitro.

Normale laŭ sia akso kaj je konvena distanco rigardataj tiuj bildoj havigas reliefan senton tiel iluziantan ke oni kredas vidi la kapon mem en la spaco.

La „Foto-stereo-sintezo“ ne povas pretendi anstataŭi la stereoskopion, kiu estas pli simple uzebla kvankam multe malpli perfekta. Ĝi tamen estas rimarkinda eltrovo, kiu estas aplikinda precipe por portreto, al kiu ĝi donas iluziantan vivaspekton kiun neniu alia fotografaĵo estis ĝis nun kapabla doni.

Esperantigis *Em. Cherblanc* kaj *L. Poncet.*

*) Louis Lumière, fama Lyona scienculo kaj industriisto, ano de la Instituto de Francio, kiu, kun sia frato Auguste Lumière, eminenta biologisto, eltrovis la kinematografon.

---

# LITERATURO

## Infanaro.

Rakonto de *A. P. Ĉeĥov.*

Paĉjo, panjo kaj onklino Nanjo ne estas en la domo. Ili forveturis bapton al tiu maljuna oficiro, kiu rajdadas sur malgranda griza ĉevalo. Atendante ilian revenon Griĉjo, Anjo, Aleĉjo, Sonjo kaj vartistina filo Andreo sidas en manĝoĉambro ĉirkaŭ tablo kaj ludas je lotludo. Verdire, por ili estas jam tempo dormi, sed ĉu povas ili ekdormi ne eksciinte de panjo, kia je la bapto estis infaneto, kaj kion oni vespermanĝis? La tablo, lumigata per pendlampo, multkoloras per ciferoj, nuksŝeloj, paperetoj kaj vitretoj. Antaŭ ĉiu ludanto kuŝas po du kartoj kaj amaso da vitretoj por kovri la ciferojn. Meze de la tablo blankiĝas pladeto kun kvin kopekaj moneroj. Apud pladeto kuŝas duonmanĝita pomo, tondilo kaj telero, kien ordonite meti nuksoŝelojn. Infanoj ludas je mono. Marko: kopeko. Kondiĉo: se iu friponos, tiun tuj for. En manĝoĉambro krom ludantoj neniu estas. Vartistino Agatjo Ivanovna — malsupre en kuirejo — instruas tie kuiristinon altranĉadi, sed pli aĝa frato Baĉjo, lernanto de kvina klaso, kuŝas en gastoĉambro sur kanapo kaj enuas.

Oni ludas hazarde. Plej granda hazardo estas skribita sur vizaĝo de Griĉjo. Tiu ĉi malgranda naŭjara knabo kun ĝisnude tondita kapo, molaj vangoj kaj grasaj, kiel ĉe negro, lipoj. Li jam lernis en preparklaso kaj tial fariĝas granda kaj plej saĝa. Li ludas ekskluzive pro mono. Se ne estus sur la pladeto kopekoj, li delonge jam dormus. Liaj kaŝtankoloraj okuletoj senripoze kaj ĵaluze kuras al la kartoj de partoprenantoj. Timo, ke li povus malgajni, envio kaj financaj konjektoj surpleniĝantaj lian tonditan kapon, ne lasas lin sidi trankvile kaj koncentrigi la atenton. Li turniĝas kvazaŭ sur kudriloj. Gajninte, li avide kaptas monerojn kaj tuj do kaŝas ilin en la poŝon. Lia fratino Anjo, knabino okjara kun akra subbarbo kaj saĝaj brilantaj okuloj, ankaŭ timas, ke iu gajnus. Ŝi ruĝiĝas, paliĝas kaj akravide observadas ludantojn, kopekoj ŝin ne interesas. Feliĉo de ludo por ŝi estas demando de memamo. Alia fratino Sonjo, sesjara knabineto kun bukla kapeto kaj kun koloro de vizaĝo kian havas nur tre sanaj infanoj, altprezaj pupoj kaj bombonujoj, ludas je loto pro amo al ludo. Sur ŝia vizaĝo estas skribita kortuŝeco. Iu ajn gajnus, ŝi tute egale ridas kaj aplaŭdas. Aleĉjo, mola, globforma mallongventrulo spiregas, ronkas kaj rigardegas la kartojn. Li havas nek profitemon nek memamon. Oni ne pelas lin de la tablo, oni ne kuŝigas por dormi kaj pro tio dankon. Laŭ mieno li estas flegmulo, sed je animo malbonmora kanajlo. Li sidas ne tiom por loto, kiom por neĝustecoj, kiuj estas neeviteblaj ĉe ludo. Al li estas tre agrable se iu batos aŭ insultos iun. Al li jam de longe necesas ien kuri, sed li ne foriras timante, ke iu ŝtelos liajn vitretojn kaj kopekojn. Ĉar li scias nur unuajn unuojn kaj la ciferojn, kiuj finiĝas per nuloj, tial por li kovras ciferojn Anjo. Kvina partoprenanto, vartistina filo Andreo, nigraŝmira, malsanema knabo, en katuna ĉemizo kaj kun kupra kruceto sur brusto, staras senmove kaj reve rigardas ciferojn. Al gajno kaj al fremdaj sukcesoj li rilatas apatie, ĉar tuta li profundiĝis en aritmetikon de ludo, en ĝian nemalsimplan filozofion: kiom sur tiu ĉi mondo estas diversaj ciferoj kaj kial ĉe tio ili ne miksiĝas!

Krias ciferojn ĉiuj vice, krom Sonjo kaj Aleĉjo. Ĉar ciferoj estas unuformaj, praktiko ellaboris multajn terminajn kaj ridigajn alnomojn. Ekzemple, sep ludantoj nomigas karbŝovelilo, dekunu: bastonetoj, sepdeksep: semen semeniĉ, naŭdek: aveto ktp. La ludo iras rapide.

— Tridekdu! — krias Griĉjo, eltrenante el patra ĉapelo flavajn cilindretojn. — Deksep! Karbŝovelilo! Dudekoketon! Ni falĉas fojneton!

Anjo vidas, ke Andreo malatentis 28. Je alia tempo ŝi montrus al li tion ĉi, sed nun kiam sur la pladeto kune kun kopeko kuŝas ŝia memamo, ŝi triumfas.

— Dudektri! — daŭrigas Griĉjo. — Semen semeniĉ! Naŭ!

— Pruso!*) Pruso! — ekkrias Sonjo, montrante pruson kurantan trans tablo. — Hej!

— Ne batu ĝin! — diras base Aleĉjo. — Ĝi, povas esti, havas infanojn . . . .

Sonjo akompanas per okuloj pruson kaj pensas pri ĝiaj infanoj: kiaj ili, devas esti, malgrandaj prusetoj.

— Kvardektri! Unu! — daŭrigas Griĉjo, suferante de penso, ke Anjo havas jam du kopekojn. — Ses!

— Partio! Mi havas partion! — krias Sonjo, kokete leviĝante okulojn kaj ridante.

Ĉe partoprenantoj eltiriĝas fizionomioj.

— Necesas kontroli — diras Griĉjo malame rigardante Sonjon.

Kiel plej granda kaj plej saĝa Griĉjo prenis decidan voĉon. Kion li volas, tion li faras. Longe kaj zorge ili kontrolas Sonjon kaj por granda bedaŭro ŝiaj partoprenantoj trovas, ke ŝi ne mensogis.

Komenciĝas alia partio.

— Sed kion mi hieraŭ vidis! — diras Anjo, kvazaŭ al si mem. — Filip Filopoviĉ iel turnmovis palpebrojn kaj liaj okuloj fariĝis ruĝaj, timigaj kiel ĉe diablo.

— Mi ankaŭ vidis — diras Griĉjo. — Ok! Sed ĉe ni lernanto povas per oreloj moviĝi. Dudeksep!

Andreo levigas la okulojn Griĉjon, pensas kaj diras:

— Kaj mi povas per oreloj moveti.

— Sed, nu, ekmovetu!

Andreo movetas per la okuloj, la lipoj kaj la fingroj kaj por li ŝajnas ke liaj oreloj ankaŭ moviĝas. Komuna rido.

— Nebona homo estas tiu ĉi Filip Filipoviĉ — sopiras Sonjo. — Hieraŭ eniras al mi en infanĉambron, sed mi en sola ĉemizeto estas . . . kaj al mi fariĝis nekonvene!

— Partio! — subite ekkrias Griĉjo, kaptante de la pladeto la monojn. Mi havas partion! Kontrolu, se vi deziras!

Kuiristina filo levas la okulojn kaj paliĝas.

— Signifas, ke mi plu ne povas ludi — flustras li.

— Kial?

— Ĉar . . . ĉar mi ne havas monon.

— Sen mono neeble estas! — diras Griĉjo.

Andreo tamen ankoraŭ foje serĉas en la poŝoj. Nenion trovinte en ili krom pan-pecetojn kaj elmorditan krajonon li kurbigas la buŝon kaj komencas palpebrumi. Tuj li ekploras.

— Mi al vi donos! — diras Sonjo, ne elportante lian turmentantan rigardon. — Nur rigardu, poste redonu.

Ĉiuj pagas monon kaj ludo daŭriĝas.

— Ŝajnas ie oni sonoras — diras Anjo, farante grandajn okulojn.

Ĉiuj ĉesas ludi kaj malferminte la buŝojn rigardas sur malluman fenestron. Post mallumeco movbriletas rebrilo de lampo.

— Kio aŭdiĝas?

— Dum nokto oni sonoras nur sur tombejo . . . . — diras Andreo.

— Sed, kial oni sonoras?

*) „Pruso“ — tiel en Rusujo oni nomas flavajn blatojn.

— Por ke ŝtelistoj en preĝejon ne eniĝu. La sonoradon ili timas.

— Sed por kio ŝtelistoj en preĝejon eniĝu? demandas Sonjo.

— Fame por kio: la gardistojn mortigi.

Pasas minuto en silento. Ĉiuj pririgardas unu la alian, ektremas kaj daŭrigas la ludon. Tiun ĉi fojon gajnas Andreo.

— Li mensogegis — diras nek je tio, nek je ĉi tio Aleĉjo.

— Vi mensogas, mi ne mensogegis!

Andreo paliĝas, kurbigas la buŝon kaj donas la baton al Aleĉjo sur kapon. Aleĉjo malbonege palpebrumas per okuloj, leviĝas, stariĝas per unu genuo sur la tablo kaj siavice donas enbaton al Andreo sur vangon. Ambaŭ donas unu al alia ankoraŭ po vangofrapo kaj ploregas. Sonjo neelportanta tiajn terurojn ankaŭ komencas plori kaj manĝoĉambro pleniĝas per diverstonaj ploregoj. Sed ne pensu, ke la ludo de tiu ĉi estas finita. Ne pasas kvin minutoj kaj la infanoj ree ridegas kaj pace interparolas. La vizaĝoj estas plorintaj, sed tio ĉi ne malhelpas al ili rideti. Aleĉjo eĉ estas feliĉa: estis neĝusteco!

Manĝoĉambron eniras Baĉjo, lernanto de kvina klaso. Li havas mienon dormeman, senreviĝan.

— Tio ĉi estas indignige! — pensas li, rigardante, kiel Griĉjo palpas la poŝon en kiu tintas la mono. — Ĉu oni povas donadi monon al infanoj? Kaj ĉu estas permeseble al ili ludi je hazardludoj? Bona estas pedagogio, oni povas diri. Estas indignige!

Sed infanoj ludas tiel alloge, ke li mem deziras alnajbariĝi al ili kaj provi la feliĉon.

— Atendu kaj mi sidiĝos por ludi — diras li.

— Metu kopekon!

— Tuj — diras li, serĉante en la poŝoj. — Mi ne havas kopekon, sed mi havas rublon. Mi metas rublon.*)

— Ne, ne, ne . . . kopekon metu!

— Malsaĝuloj vi estas. La rublo estas pli multe ol kopeko — klarigas la gimnaziisto. — Kiu gajnas, tiu donos al mi reston.

— Ne, ni vin petas! Foriru!

Lernanto de kvina klaso premas la ŝultrojn kaj iras kuirejon, por preni ĉe servistaro moneretojn. En kuirejo estas eĉ ne unu kopeko.

— Tiaokaze ŝanĝu al mi — diras li al Griĉjo, alvenante el kuirejo. — Mi al ci pro tio pagos. Ĉu vi ne volas? Nu, mi vendos al ci rublon pro dek kopekoj.

Griĉjo suspekteme strabas okulojn je Baĉjon: ĉu ne estas ia falseco, ia ŝteleco?

— Mi ne volas — diras li, tenante la poŝon.

Baĉjo komencas indigniĝi, ofendas kaj nomas ludantojn malsaĝuloj kaj „fandferaj cerboj".

— Baĉjo, mi je vi metos — diras Sonjo. — Sidiĝu.

Gimnaziisto sidiĝas, metas antaŭ si du lotkartojn. Anjo komencis legi la ciferojn.

— Mi kopekon faligis! — subite deklaras Griĉjo per ekscitiĝema voĉo. — Atendu!

Ili demetas lampon kaj grimpas sub tablon por serĉi la kopekon. Ili kaptas per la manoj kraĉaĵojn, nuksajn ŝelojn, frapiĝas per la kapoj, sed la kopekon ne trovas. Ree komencas serĉi kaj serĉas ĝis kiam Baĉjo eltiras la lampon el manoj de Griĉjo kaj starigis ĝin sur la loko. Griĉjo daŭrigas serĉi en mallumo.

Sed jen, fine, la kopeko estas trovita. La ludantoj sidiĝas ĉe la tablo kaj volas daŭrigi la ludon.

— Sonjo dormas! — deklaras Aleĉjo.

*) Rublo egalas 100 kopekojn.

Sonjo, metinte la buklan kapon sur la manoj, dolĉe dormas, senribele kaj firme; kvazaŭ ŝi ekdormis antaŭ horo antaŭe. Ŝi ekdormis dum aliaj serĉis la kopekon.

— Iru panjan litaĵon, kuŝiĝu — diras Anjo, forkondukante ŝin el manĝoĉambro. — Iru!

Ŝin kondukas ĉiuj kune, kaj post iaj kvin minutoj panja litaĵo prezentas interesan vidaĵon. Dormas Sonjo. Apud ŝi dormegas Aleĉjo. Metinte sur iliajn piedojn la kapon dormas Griĉjo kaj Anjo. Tie ĉi, apud ili lokiĝis kuiristina filo Andreo. Apud ili kuŝas ĵetintaj kopekoj, kiuj perdis sian allogon ĝis nova ludo. Bonan nokton!

*Astrahanj*, 1921. Trad. *Bazil Averin.*
(6 nĉ 3 Bakald n. 30.)

## TRA LA LIBRARO.

**Hebreaj Rakontoj.** *Ŝalom-Aleĥem. Perec.* El la hebreaj originaloj tradukis *Is. Muĉnik,* L. K. Internacia Mondliteraturo, N-ro 9. Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig, 1923. 78 paĝoj, 13×19 cm. Prezo: 1,20 fr. sv.

La nova volumo de tiu kolekto ne estas malpli interesa ol la antaŭaj; ĝi prezentas prozaĵojn de la „juda" lingvo, t. e. de la miksaĵo el lingvoj germana kaj hebrea, kiu fariĝis la plej parolata de la nunaj diverslandaj hebreoj, kaj kiu en la lasta jarcento atingis rangon de literatura lingvo dank' al talentaj verkistoj ĝin uzintaj. Ŝalom-Aleĥem estas humoristo, kiu mokas la ridindaĵojn de siaj samnacianoj, aŭ alegorie priskribas ilian ofte kompatindan sorton. En la rakontoj de Perec aperas plie satirista pentrado de l' sociaj malbonoj. La bone elektitaj eltiraĵoj el ambaŭ aŭtoroj certe plaĉos al la leganto pro sia aparta originaleco; ili elvekos lian ridon, lian simpation, aŭ lian pripensadon. Ni ja kredas, kiel asertas la tradukinto, ke malfacile tradukeblaj estas tiuj imitoj de l' popola ĵargono, sed ankaŭ spertis, ke spite tio, la esperantigo estas tute kontentiga; ĝi despli valoras, ke ĝi prezentas specimenon de ĝis nun ne tre konata literaturo.

**Krucumo.** *Aleksandro Drozdov.* El rusa lingvo tradukis *N. Hohlov.* Presita en la Reĝa Presejo, Zagreb, 1922. IV + 56 paĝoj, 12×16½ cm. Prezo: 8 din. aŭ 1 sv. fr.

Drozdov estas nuntempa rusa verkisto konata, diras la tradukinto, kiel majstro de la lingvo kaj kreinto de originalaj lingvaj formoj. „Krucumo" estas epizodo de l' lasta rusa revolucio kaj akre montras la diversecon de opinioj pri ĝi en unu sola familio. La avo, registarano kaj historiisto, estas arestita sed savita de sia filo; li poste mortas sola en fora vilaĝo; li tipas la malnovan reĝimon, la bonan edukitecon sed ignorecon de l' popolaj aspiroj. La filo, bolŝevika ĉefo, honesta kaj konvinkita pri la pravo de sia agado, estas atence mortigata de sia propra filo, kiu kredas devo sia tiel savi la patrujon. Vere impresa kaj neforgesebla rakonto, talente verkita.

La tradukinto ankaŭ majstras nian lingvon kaj elokvente uzas ĝin. Legante la libron oni konstatos facilan akcepton de multaj novaj vortoj, ne ĉiuj nepre necesaj; eĉ kelkaj: „ĥameco, parastoso, lozungo" ne troveblaj en vortaroj restas nekomprenataj; aliaj kiel: „murdeo, melikvio, fermentero" ne superas jam konataj: murdo, relikvo, fermento; fine ofta nenecesa uzo de la artikolo povas ankaŭ esti notata, ne malgrandigante la valoron de rimarkinda verko.

**Maria Magdalena.** Kvinakta burĝa tragedio de *Friedrich Hebbel*, tradukita de *D-ro Adolf Bischitzky*, Prag. Rekomendita de E. L. A. 1922. Eldonejo „Marto", Haida (Bohemio). 80 paĝoj, 11×16½ cm. Prezo: 4 Kĉ.

Leginte sinsekve „Krucumo" kaj „Maria Magdalena", oni ne diros, ke nur amuzaĵoj aŭ petolaĵoj estas tradukitaj en Esperanto. Kvankam tute malsimilaj laŭ formo kaj enhavo, ambaŭ verkoj estas terure tragediaj. En la teatraĵo de Hebbel, bone esperantigita, simpla metiisto montras karakteron de stoika antikvulo kaj la interlukto inter personoj kaj sentoj, ĉar ja honorsento estigas la tutan dramon, proksimiĝas tiun burĝan familian scenaron al klasika nobla tragedio. Kredeble la malriĉa, malĝoja infaneco de l' aŭtoro instigis lin al severaj temoj. Tiu de l' delogita junulino estis jam ofte traktita en romanoj aŭ teatraĵoj; sed malmultaj tiuj pentraĵoj estas tiel nete, tiel vive kaj krude koloritaj, kiel la doloriga verko de Hebbel. La tradukinto sciis nenion forigi el la forta karaktero de l' originalo kaj li uzas tute korektan kaj trafan stilon.

**La Fianĉiniĝo de Sovaĝulineto.** Triakta komedieto. Originale verkita de *Roksano*, L. K. Dua eldono. 46 paĝoj, 11×16 cm. Prezo: 3 Kĉ.

Amuza, vigla, senpretenda komedieto; mi preferas ĝin ol „Duonsurda", ankaŭ lasttempe duafoje eldonita; ĝi havas temon pli naturan, malpli artifikan kaj ĝia stilo estas tiel viva kiel la temo mem. Ludata dum esperantista kunveno ĝi ricevus meritan aplaŭdadon. Nur ofta simila sufiksado fariĝas iom unutona; nia Sovaĝulineto fariĝas sinsekve: knabineto, estulineto, kaŝemulineto, malriĉulineto, kompatindulineto, obstinemulino, ĉarmulineto, mastrineto, kaj eble mi ne ĉion notis.

**Barbra.** Unuakta teatraĵo de *Jerome K. Jerome*. Tradukis *S-ino Flora Hardcastle*. Aĉetebla ĉe British Esperanto-Association, 17 Hart Street, London W. C. 1. 24 paĝoj, 13×20 cm. Prezo: 1 ŝilingo.

Jen ankaŭ unuakta teatraĵeto destinata por ludo antaŭ amika kunvenantaro, des pli ke nur kvar geaktorojn ĝi bezonas. „Barbra" ne estas malpli bona ol ĝenerale tiaj salonaj komedietoj, eĉ kelkaj scenoj estas vere amuzaj. Tamen ĝi ne devas esti grava en la verkaro de l' konata angla humoristo. La traduko, ĝenerale bona, tamen allasas kelkajn anglicismojn precipe en la uzo de kelkaj verbaj tempoj.

**Nova Vocabolario Italiano-Esperanto.** Preceduto da Gramatica costitutiva, Comento e Mozioni utili. *G. Meazzini*. Biblioteko della Rivista „L' Esperanto". A. Paolet, Editore. S. Vito al Tagliamento. 1922. 40 + 243 paĝoj, 12×16½ cm. Prezo: 5 L.

Tiu vortaro estas riĉa kompilo de l' ekzistantaj vortaroj. La aŭtoro pensas, ke la esperantistoj ŝatas posedi kiel eble plej kompletan vortaron por tuj trovi sen cerbumado la serĉatan esprimon. Tial la amplekso kaj la multaj teknikaj kaj sciencaj radikoj. Diversaj tabeloj, klarigoj, filologiaj studoj okupas la unuan parton. La vortaro mem estos utila al niaj lingvaj aŭtoritatoj ĉar multaj novaĵoj enestas. Persone mi pensas, ke la aŭtoro tro facile akceptas novan radikon eĉ kiam ekzistas akceptebla kunmetaĵo. Li eĉ proponas novajn, kie bonaj radikoj ekzistas; kaj ĉefe ŝajnas, ke la nove proponitaj estas ĉiuj latin- aŭ italdevenaj. Ankaŭ uzo de „io" por ĉiuj landnomoj estis oficiale malaprobata. Certe la aŭtoro faris gravan utilan laboron, sed oni uzu prudente ĝiajn novaĵojn. Esperanta-nacia vortaro povas enteni eĉ malbonajn vortojn por ebligi ĉion kompreni. Sed nacia-esperanta estas danĝera per tia abundeco, ĉar ne ĉiu nova samideano estas sufiĉe klera por distingi la tritikon de l' lolo. Kial almenaŭ ne montri per ia signeto la fundamentajn kaj oficialajn radikojn.

**Svaz Národů o Esperantu.** Tradukita el la franca de *Rudolf a Hana Fridrichovi*. Praha 1923. 48 paĝoj, 12×17½ cm. Prezo: 5 Kĉ. — Eldono de Ĉeĥoslovaka Asocio Esp., Praha VII, 333.

Jen ĉeĥa traduko de la raporto pri Esperanto de la Ĝenerala Sekretario de Ligo de Nacioj. Do bona propagandilo.

**Unua Legolibro.** Gradigitaj legaĵoj kun Frazlibro kaj Modeloj de Leteroj. *D-ro Kabe*. Esperanta Libraro N-ro 1, 5a eldono, 1922. Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden. 160 paĝoj, 12×17 cm. Prezo: 450 g. m. (por mezvalutaj: 720 g. m., por altvalutaj landoj: 900 g. m.)

5an eldonon atingas tiu libro; tiun sukceson ĝi plene meritas. Kun ĝuo la malnovaj esperantistoj relegas paĝojn el kiuj ili iam ĉerpis parton el sia scio. Tiel ili konvinkiĝas, ke tiu malnova libro konservis siajn valoron, riĉecon, intereson, kaj ne estas superita de multaj posteuloj. Ĝiaj diversaj partoj: anekdotoj, rakontoj, fragmentoj, frazlibro kaj leteroj, kunigas distron kaj instruon. La mirinda stilo de l' verkinto ne bezonas plu rekomendon. Povu multaj novaj samideanoj spertiĝi per tiu klasika libro, kiu kun Fundamenta Krestomatio kaj Esperantaj Prozaĵoj iam estis la ĉefa parto de nia literaturo, tiu, kiu unuecigis la stilon de niaj diverslandaj pioniroj.

La nova eldono estas bele presita kaj favore impresas pri la kolekto, kies unua numero ĝi estas.

**Praktika Frazaro.** Dialogoj de la ĉiutaga vivo. Kunmetis *J. Borel*. Esperanta Biblioteko Internacia N-ro 9. 3a eldono (11—20 miloj) 1922. Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden. 48 paĝoj, 10×14 cm. Prezo: 90 g. m. (por mezvalutaj landoj: 144 g. m., por altvalutaj: 180 g. m.)

La eldona firmo represigas la libretojn de sia Esperanta Internacia Biblioteko, kies provizo elĉerpiĝis. Jen la 3a eldono de Praktika Frazlibro kun diversaj dialogoj por la ĉefaj okazoj dum vojaĝo, en hotelo, oficejoj, magazenoj ktp. La stilo simpla, korekta, liveras treŝbonajn modelojn por la interparolado, kiu, ĉe multaj esperantistoj, ne estas tiel ekzercata kiel la legado aŭ la tradukado.

Se perforte oni traserĉas iun detalon diskutindan, oni trovos ĝin en la uzo de neesperanta litero X por nekonata homo aŭ urbo, aŭ en tiu servista alparolo: „Ĉu la Sinjoro volas tion", en kiu la uzo de l' artikolo ŝajnas germanismo.

**Komerca Korespondo.** Kunmetis *J. Borel*. Esperanta Biblioteko Internacia, N-ro 16. 2a eldono (5—10 miloj). 1922. Eldono, amplekso kaj prezo kiel por la antaŭa numero.

Tiu praktika libreto kolektas ĉiujn frazojn kaj parolturnojn, el kiuj konsistas ĉefe la komerca leterstilo. Ilia aranĝo en ĉapitroj ebligas rapidan trovon de serĉata modelo. La neceseco de nova eldono, ĝia presigo preskaŭ sen ŝanĝoj, jen du faktoj pruvantaj la konsciencan laboron, kiun la nomo de l' kunmetinto jam antaŭcertigis.

Vortoj ankoraŭ neoficialigitaj, sed kiuj en tiu aŭ alia formo certe estos akceptataj, estas: „varo" (komercaĵo), „frajto" (aŭ freto, transportkosto), „konsigno" (vardepono), „prejmo" (asekuropago), „ofri" (aŭ oferti, proponi aĉetaĵon). Anstataŭ: „Ĝiatempe alvenis via poŝtkarto", ĉu „siatempe" ne estus pli bona?

*G. S.*

# Mia najbaro.

Laŭ *Friedrich Adler.*

Ĉiuvespere, kiam hor' malfrua
la lacajn membrojn logas al la dormo,
kaj mi, pri dolĉa ripozo pensante,
la libron satleginte jam formetas,
eksplodas super mi konfuza koncerto.
Ektuŝas ies fingroj la pianon,
kaj eksterdube tre mallertaj fingroj.
Jen skalon aŭdas mi, kiel lernanto
ĝin dum lernado tute fuŝe ludas,
jen melodion el ia praaĝa
kaj forgesita oper', opereto —
ĉion ĉi ofte interrompas paŭzoj,
pri kiuj certe miras notfolio,
pro falsaj tuŝoj, kiuj trorapide
tuj duan fojon sin ripetos false —

Per unu vorto, kvankam mi ne estas
tro subtilsenta muzika spertulo,
sed se la tempon, mian ripozemon
vi konsideros, la fuŝitan ludon,
do vi pardonos min, se mi en fino
tedite serĉis je la koncertanto,
por lin deteni de la brufarado.

Kaj kion aŭdis mi? Jam aĝa viro,
malriĉa, estas mia pianisto.
Tagojn plenigas al li la metio,
vespere, kiam dormas la infanoj,
pro kiuj li la pezajn zorgojn portas,
ekzercas li piane. Ne ridu pro tio.
Al mi la larmoj kovris la okulojn,
kompate legis mi nun en tiu animo.

Ne scios ludi li, neniam scios;
manoj tro pezaj, oreloj sen sento.
Vi konas la proverbon pri Johan' kaj Joĉjo,*)
kaj tamen li ne ĉesas. Por li estas ludo
la sola ŝtupo, kiu el mizero
de l' griza vivo gvidas lin ĉielen,
sola, unika. Kaj kompata arto,
ĝi, la plej nobla el la konsolantoj,
ankaŭ al li konsolon ne rifuzas,
ĉar li avide serĉas animsavon.
El falsaj tuŝoj, el eraraj taktoj
ĝi verŝas al la avidanto ĝuon
en lian timan, turmentatan bruston . . .

Ludu nur plue, vi maljuna homo!
Vi ne malhelpas min. Nun melodie
min ĉirkaŭsonas viaj kor-akordoj.

Esperantigis *D-ro Emil Pfeffer.*



*) Ne ellernos Johano, kion Joĉjo ne ellernis. (Rim. de l' trad.)

# En boato.

N. Krassovskij.

*Knaras remil' de l' boat'*
*Blovas ventet' de vespero.*
*„Mia karulo-amat'“ —*
*Plaŭdas ondet' de rivero.*

*Naĝas en nokta trankvil'*
*Cigno de l' ond' balancata,*
*Kuras l' ondet' post remil',*
*Per akva alprem' karesata.*

*Flustron de akva spegul'*
*Kaptas sentema orelo:*
*„Amas mi, amas karul',“*
*Brilas la lun' en ĉielo . . .*

Ufa, 1922.



# El Balmont.

(Rusa poeto-modernisto.)

*En mondon venis mi por vidi sunon*
*Kun vasta horizont',*
*En mondon venis mi por vidi sunon*
*Kaj supren de la mont'.*

*En mondon venis mi por vidi maron*
*Per mia akr'-okul',*
*Per la rigardo kovris mi mondaron,*
*Mi — potencul'.*

*Kaj venkis mi malvarmon de l' forgeso*
*En mia iluzi',*
*Percepti l' veron povas sen konfeso*
*Kaj kantas mi.*

*La rev' ĉe mi naskiĝis kunsufere,*
*Sed kanto gloris min,*
*Nenies kant' egalis min prospere*
*Kun venka fin' . . .*

*En mondon venis mi por vidi sunon,*
*Kaj se jam mortis tag',*
*Rekantos mi . . . kantadas mi pri suno*
*— En dolĉ - imag' . . .*

Ufa, 1922.



# Annabel Lee.

de *Edgar Allan Poe.*

El la angla lingvo tradukis *Rhodes Marriott.*

*Antaŭ multe da jaroj, en reĝoland'*
*Ĉe la maro, sciu vi*
*Ke loĝadis tre bela virgulin' —*
*La aminda* Annabel Lee —
*Kies sola pensad'*
*estis ami min*
*Kaj esti amata de mi.*

*Mi nur infan' kaj ŝi nur infan'*
*En reĝlando tiu ĉi,*
*Amadis kun am'*
*pli profunda ol am'*
*Mi kaj* Annabel Lee;
*Kun am' tiel granda,*
*ke eĉ la serafoj*
*Enviemiĝis al ni.*

*Kaj jen do la kaŭz' — antaŭ tre longa temp'*
*En reĝlando tiu ĉi —*
*Ke vento elblovis el nub' kaj morton*
*Alportis al* Annabel Lee.
*Venis do ŝia altranga parenc'*
*Kaj portis ŝin for de mi,*
*Por entombigi izola ŝin*
*En reĝlando tiu ĉi.*

*L' anĝeloj, ne tiel feliĉaj ĉiele,*
*Sentadis envion al ni —*
*Jes! tial okazis*
*(kiel scias homar'*
*En reĝlando tiu ĉi)*
*Ke la vent' alvenis*
*el nokta nub',*
*Morton portante al*
Annabel Lee.

*Sed ni amis kun am'*
*pli potenca ol am'*
*De homoj pli aĝaj ol ni —*
*De multaj plisaĝaj ol ni —*
*Kaj nek la anĝeloj en alta ĉiel',*
*Nek demonoj malsupre de ni,*
*Povos iam disigi*
*de mia anim'*
*La animon de* Annabel Lee.

*Ĉar ne brilas la lun'*
*ne portante al mi,*
*Belajn sonĝojn pri* Annabel Lee;
*Kaj kiam ajn stel'*
*levas sin en ĉiel'*
*Mi ekpensas pri* Annabel Lee.
*Do, tra tuta la nokt'*
*apud ŝi — karulin' —*
*Kiu estas viv' mia*
*kaj kara edzin',*
*Kuŝas mi en tombeg' tiu ĉi*
*Ĉe la mar' kie dormas ŝi.*

ooooooooooo

# La sonĝo.

(Sennomulo.)

El la memorajoj pri teruraj 1919—20, kiam ruslandanoj suferegis je malsato kaj hejtmanko.

*En la ĉambr' ne hejtita*
*Dum la vintro malvarma*
*Mi ricevis poŝtkarton*
*El la land' suda, ĉarma;*
*El la land', kie kreskas*
*Dolĉa frukt' de kakao,*
*Kie brilas per skvamo*
*Serpentego boao;*
*Kie palmoj graciaj*
*Apud maro balancas*
*Kaj bronzhaŭtaj knabinoj*
*En la rond' gaje dancas.*
*Kaj pri tiu ĉi lando*
*Revis mi ĝis vespero,*
*Dum en ĉambro fariĝis*
*Malvarmega infero.*
*Enlitiĝis rapide*
*Mi per dentoj klakante,*
*Per la du litkovriloj*
*Kaj la pelt' min kovrante,*
*En la nokto mi sonĝis*
*Pri la lando tropika,*
*Pri la arboj altkreskaj*
*En selvas' amerika.*
*Kun la estr' indiana*
*Sidis mi ĉe vigvamo*
*Kaj sur kap' mia estis*
*El la plumoj ornamo.*
*Sur mustango mi rajdis*
*En freneza galopo*
*Kaj de kugl' mia falis*
*Dum la ĉas' antilopo.*
*Sed subite ŝanĝiĝis*
*Tuta bildo tropika:*
*Dum moment' anstataŭis*
*Ĝin pejzaĝo arktika;*
*Mi eksentis frosttremon*
*De l' piedoj ĝis kapo,*
*Indiano perdiĝis*
*Kaj aperis la lapo.*
*Kun la cerv' kaj hundaro*
*Venis li, nordloĝanto,*
*Kaj ekkriis subite:*
*„Vivu lingv' Esperanto!"*
*Vekiĝinte kun miro,*
*Mi komprenis la ŝanĝon,*
*Ĉar faligis sur plankon*
*Mi varmigan aranĝon . . .*

1919.



 ESPERANTISMO 

## Komerca Konferenco en Venezia

2—4 aprilo 1923.

### Provizora programo.

*Lundon matene* je 10 h.: Malfermo de la konferenco en la sidejo de la Venezia Komerca Ĉambro (Camera di Commercio). Spertoj faritaj. Raportoj de la Foiroj.

*Mardon:* Rimedoj por akceli komercan uzadon kaj instruadon en komercaj lernejoj.

*Merkredon:* Uzo en Turismo. Eldono de gvidlibroj kaj gvidfolioj, ĝeneralaj rekomendoj kaj konkludoj.

Jam dimanĉon vespere okazos en Hotel Wagner-Lido familia kunveno por interkonatiĝo. La tutan laboron oni esperas fini merkredon vespere. Ĵaŭdon matene okazos parolado de S-ro Pitlik kun lumbildoj kaj filmoj pri Ĉeĥoslovakio en kinematografejo.

Dum la vesperoj okazos diversaj festkunsidoj kun helpo de la lokaj samideanoj. Definitiva programo estos disdonata al la konferencanoj ĉe alveno.

La konstanta sekretariejo de la konferenco sidos en Hotel Wagner-Lido, kie loĝos plej multaj partoprenantoj. Ĝi estos malfermata jam sabaton antaŭ Pasko.

### Rabato sur itala fervojaro.

Dank' al afablaj klopodoj de la Itala Federacio, la Itala Fervoja Direktejo konsentis rabaton al partoprenontoj je la konferenco. La rabato valoras de 25 marto por iro ĝis 9 aprilo por reveno kaj kalkulos 40% ĝis 60% laŭ la nombro de kilometroj sur itala teritorio. Por akiri la rabaton kaj mendi la taŭgajn biletojn ĉe italaj agentejoj eksterlande oni bezonos plenigi certajn dokumentojn, kiujn afable sendos tuj al ĉiu petinto la Prezidanto de l' Itala Federacio, S-ro advokato Attilio Vaona, St. Egidio 6, Verona, Italio, kondiĉe ke oni sendu al li sian adreson senprokraste.

### Aliĝoj.

Ĝis la 25 februaro estis aliĝintaj al la konferenco la jenaj organizaĵoj:

Internaciaj foiroj de Barcelona, Basel, Bordeaux, Frankfurt, Leipzig, Milano, Paris, Padova, Praha, Reichenberg.

Komercaj ĉambroj de Gagliari, Mantova, Padova, Pisa, Potenca, Sienna, Venezia (Italio), Braila (Rumanio), Budapest (Hungario), Lausanne, Sion (Svislando), Brno (Ĉeĥoslovakio), Lure, Niort, Nimes Thiers, Tarrare (Francio), Bradford (Britlando), Sacramento (Usono), Bologna (Italio), Hradec kralove (Ĉeĥoslovakio).

Eksterlandaj komercaj ĉambroj: italaj en Belgio, Egipto, Svislando, Tunisio, Sudano, Maroko, franca en London, nederlanda en Italio, itala en Rosario di Santa Fe (Argentina Respubliko, Sud-Ameriko).

Asocioj: Ĝenerala Konfederacio de meblarto (Franca), Societo por mondkomerco kaj mondlingvo (Wien), Respublika Komitato por Komerco, Industrio kaj Agrikulturo (Paris), Rotary-Klubo (Harrogate), Svisa Centra Turisma Oficejo (Zürich), Oficejo por Industrio (Svisa).

*Korespondado lastmomenta.* La organiza komitato kaj ankaŭ D-ro Privat kaj S-ro Jakob, el UEA, jam estos en Venezia-Lido, Hotel Wagner, la 23. marto. Oni skribu do tien por konferencaj aferoj post tiu dato.

*Ekspozicio.* La tutan materialon (esperantaj prospektoj, afiŝoj, gvidlibroj ktp.) oni sendu al la organizanto S-ro Giovani Bonini, S. Angelo, calle Avvocati, 3901 A, Venezia, avertante lin per poŝtkarto.

*Kotizo.* Por ebligi eldonon de taŭgaj raportoj pri la konferenco, estis necese fiksi kotizon por ĉiuj partoprenantoj. Ĝi estos malalta, sed por ĉiuj la sama, nome: 25 liroj italaj, kiuj egalas je kvin anglaj ŝilingoj. Ĝin oni pagos alveninte por ricevi la kongreskarton.

*Propagando.* Kiel ni jam ofte antaŭdiris, la spertoj pri komerco estas pli modestaj ol tiuj pri instruado kaj la Venezia konferenco ne povas havi la saman karakteron kiel la Ĝeneva. Ĝi estas nur komenco en fako tre grava kaj preskaŭ esenca. Tiu komenco estas nepre necesa kaj ni devas danki al la komercaj organizaĵoj, kiuj helpis ĝian efektivigon.

La konferenco en Venezia neniel estos registara kiel tiu en Ĝenevo. Ĝi estas antaŭ ĉio kunsido de la foiroj internaciaj, kiuj jam uzis Esperanton kaj renkontiĝo kun kelkaj Komercaj Ĉambroj kaj Turistaj Oficejoj, kiuj deziras aŭdi pri tiuj spertoj kaj kune ekzameni plej bonajn rimedojn por antaŭenpuŝi la uzadon de Esperanto en tiuj fakoj.

Ni rajtas esperi de la konferenco interesajn raportojn kaj saĝajn proponojn, sed eble la plej grava ĝia utilo estas la propaganda. La invitoj paroligis pri la afero en multaj ĝeneralaj kunsidoj de gravaj asocioj en la tuta mondo kaj vekis novajn interesojn.

Per „Hungara Esperantisto" ni aŭdas ke la Komerca Ĉambro en Budapest alvokis al firmoj (per la ĉiutaga gazetaro) por atentigi ilin pri la konferenco kaj demandi ĉu ili havas oficistojn scipovantaj Esperanton.

En multaj urboj la invititaj societoj petis paroladon pri la afero. Do entute la konferenco, eĉ antaŭ sia ekzisto, jam faris multe da bono. Sed nun, ni devas ĉion fari por ĝin mem sukcesigi.

* * *

**Mondonacoj.** Ĝis 20a de februaro la Oficejo ricevis jenajn monsendojn kaj kore dankas al la afablaj donacintoj:

S-ino Tiard, Alger 100 fr. fr.; S-ro Cather, Port Said 20 fr. sv.; S-ro Charles Jayet, Morges 10 fr. sv.; Esp. Grupo en Tulle 10 fr. fr.; F-ino Furber, Whitechurch 1 £; „Lemana Stelo", Montreux 5 fr. sv.; S-ro Casanovas 10 fr. fr.; S-ro Mayer, Goldenoels 5 Kĉ.; S-ro L. Illaŝeviĉ 20 din.; D-ro Christen, New York 25 fr. sv.; D-ro J. Silbernik, New York 25 fr. sv.; S-ro Gueritte, London 2 £; S-ro Ratouillat, St. Nicolas 5 fr. fr.; S-ro Gabert, St. Etienne 50 fr. fr.; S-ro Poncet, Lyon 50 fr. fr.; Itala Esperanto-Federacio 586,80 lir.; S-ro Ernest Archdeacon, Paris 500 fr. fr.; S-ro Stefano Pedrazzini, Locarno 2 dol.; S-ro Gerrit van Heek, Hengelo 100 guldenoj; S-ro Kudela, Olomouc 20 Kĉ.; S-ro Blomquist, Borås 10 Kr. sv.; S-ro M. Perrenoud, Neuchâtel 4,50 fr. sv.; S-ro Becker, Mainz 2000 mark.; S-ro Brunet, Bordeaux 50 fr. fr.; S-ro Marly, Bordeaux 200 Fr. fr. Sume (kun unua listo): 1496,38 fr. svisa valoro.

## Ĉe la „Verda Kato“
(esperanta kabaredo en Parizo).

Oni ĝin diris ofte kaj prave: niaj francaj samideanoj travivas malfacilan tempon. Multaj mortis dum la milito. Ĉiuj grupoj kaj societoj estas reorganizotaj. Ministro kaj gazetoj kalumnias la esperantistojn. Ministrejo forpelas ilin el iliaj grupejoj. Jen sufiĉe da kaŭzoj por malkuraĝiĝi. Feliĉe nur kelkaj lasas sin dronigi per tiu mortiga fluo. Aliaj rezistas kun bonhumoro.

Forpelita el la Sorbonne, la Pariza Grupo kunvenas nun en apuda konstruaĵo. Kalumniataj en unu gazeto, la esperantistoj respondas en alia. Tamen la maldolĉeco de l' batoj kreas atmosferon pezan kaj la postmilita laceco restigas hejme multajn grupanojn, antaŭe fervorajn. Kion fari? La Pariza bonhumoro savis la situacion. Spritaj junuloj fondis la „Verdan Katon“.

La Verda Kato? Jes, sub ĝia simbolo densa aŭdantaro de esperantistoj nun kunvenas ĉiumonate. Ie, apud la grandaj bulvardoj, en kvazaŭkela malantaŭĉambro de modesta bierejo, cento da seĝoj ne sufiĉas antaŭ la mistera kurteno de la „Verda Kato“. Per siaj petolemaj okuloj, la kartona simbolbesto rigardas la enirantojn. Ĉiu pagas sian enirbileton kaj avide serĉas restantan lokon. Premite renkontiĝas Akademianoj, Lingvo-komitatanoj, Prezidantoj, sekretarioj, Delegitoj de UEA, verkistoj, vortaristoj, malnovaj samideanoj neniam plu viditaj de preskaŭ dekjaroj. Ruĝaj dekoracioj brilas ĉe butontruoj de gravuloj, kaj burĝegoj sidas apud veraj ruĝuloj. UEA-anoj, SFPE-anoj, CO-anoj, SAT-anoj intermiksiĝas. Sur la malsekaj kolonoj ĉiuj niaj eminentuloj brilas en pentritaj karikaturoj. Eĉ la programo surhavas mirindan katon verdan.

Jen kurteno tiriĝas: „Honorataj gastoj . . .“ komencas la prologisto, kiu parolas nian lingvon fajroflue nur kiel Poloj scias. „La ĉastemuloj afable foriru“, li konkludas, kaj eĉ la maljunaj fraŭlinoj gaje restas unuanime. Ŝercaj kantoj, ludvortaj paroladoj, trafaj scenetoj, ridigaj komedioj, spritaj imitaĵoj sekvas unu la alian, eĉ literaturaj deklamaĵoj. Seso da talentuloj vivigas nian lingvon en la plej vigla parizana maniero. Sendube la ĉarma gracieco de F-ino Marga Rineta florkronas la tutan aferon.

En la kelĉambro regas ĉies admiro kaj pafas ridoj faciligaj. Kiam la fortepiano reakompanas la finon de sprita verso, la tuta aŭdantaro fervore ekkaptas la rekantaĵon per gaja voĉaro. En tuta Parizo ne ekzistas pli sprita kabaredo eĉ en franca lingvo kaj la tono de l' Verda Kato ne transiras la limojn de l' bongusto libera. Jen priskribas la kantisto mirindan eliksiron por fariĝi perfekta esperantisto:

„La trian tagon vi science
Diskutos jam pri ujo — io
Kaj apartenos konsekvence
Samtage al Akademio.“

Pri tipa kongresa edziĝo sonas eĉ pli gaje la kanto:

„Ne multaj ĉe la pastra beno,
Sed multegaj ĉe l' festeno.

Soifa Lingvo-komitatano
Trinkis je l' geedza sano.

Mallerta Akademiano
Rompis glason de ĉampano.

Vegetarano pro sufoko
Glutis oston de la koko . . .

La nova paro, ĝojpetola
Tre deziris esti sola.

Al ĉiuj do adiaŭdiris
Kaj diskrete ili iris.

De UEA la delegito
Gvidis ilin je la lito.

Kaj tiam li pro bona ordo
Gardostaris ĉe la pordo.

Rigardis li pro malenuo
Iom tra l' serura truo.

Kaj poste sendis li, laŭ devo,
La raporton al Ĝenevo.“

La „Verda Kato“ organizos amuzan vesperon (neoficialan) en Nürnberg. Estas tute certe ke ĝi bonege sukcesos. Intertempe S-ro Schwarz, la fondinto, kaj liaj talentaj geamikoj, ĉu poetaj, ĉu aktoraj, meritas apartan gratulon pro ilia iniciato. Ili kreis novan gajan fakon en la esperanta lingvo.

*Vidinto.*

---

## Por la ekzisto de UEA.

**Brita membro skribas:**

Mi ne povas legi vian artikolon nekortuŝite. Mi deziras kontribui al la „Garantia Kapitalo“ kaj mi enfermas ĉekon por dekkvin funtoj.

Sincere la via *R. H. C.*

---

## KRONIKO.

### Aŭstrio.

El la ĝenerala raporto pri nia movado en Aŭstrio dum 1922 ni elĉerpas la jenan faktaron:

Pro la politikaj ekonomiaj cirkonstancoj la movado estas malhelpata, sed per komuna laborado de esperantistaj unuiĝoj ĉiucelaj en la Aŭstria Esperanto-Delegitaro sukcesplena. La A. E.-D. havas centrejon en Wien kaj 650 grupojn. Specialaj esperantistaj grupoj ekzistas por Blinduloj, Fervojistoj, Junuloj, Katolikoj (Aŭstra Katolika Ligo Esperantista). Komercistoj, Komunistoj, Instruistoj, Policistoj, Kantistoj, Socialistoj (Aŭstra Laborista Ligo), Studentoj, Tramvojistoj. Esperantistaj grupoj de Hungaroj, Ĉeĥoj kaj Esperantista sekcio ĉe Ukraina Studenta Unuiĝo „Ŝiĉ“, Aŭstraj Esperantistaj Konferencoj en Linz, Salzburg kaj Wien. Oficialaj kursoj en la Teknika Altlernejo (Esperanto-Lektoro), en la Nova Vien'a Komercakademio, en la Komensky-Realgimnazio, krom tio en Instruistedukejo kaj en multaj lernejoj en Wien kaj la landoj. Esperanto-kursoj en 60 urboj kaj 80 kursoj en ĉiuj 21 distriktoj de Wien kaj multaj kursoj aranĝitaj de la socialdemokratiaj klerigligoj, 2 kursoj por libropresistoj. — Poresperanta propagando per ekspozicioj. Esperantaj gazetoj. Centrejo por ĉiu propaganda laboro estas la esperantista entrepreno Nova Tempo en Wien VI, kiu havas propran oficiston. Aŭstriaj Esperanto-Raportoj. Multaj notoj kaj artikoloj priesperantaj en la ĵurnaloj; ĵurnaloj

kun specialaj Esperanto-fakoj. Komercaj ĉambroj de Innsbruck, Salzburg kaj Wien akcelas Esperanton, Vien'a Internacia Foiro eldonas esperantajn prospektojn kaj korespondas en Esperanto. — 2 oficialaj delegitoj ĉe la Ĝeneva Konferenco.

## Italio.

La Laborista Esp.-Grupo de Genovo por are respondi al multaj demandintoj kaj ŝpari samtempe poŝtelspezojn, sciigas ke kaptinte bonan okazon propagandi kune la idealon de Mazzini kaj Esperanton, ĝia konsilantaro decidis ĉe la fino de septembro 1921, eldoni en Esperanto la faman verketon „Devoj de la homo“ de G. Mazzini. La prezidanto ĝin tradukis kaj en aprilo 1922 ĝi estis kun rilata ŝlosilo disdonita al delegitoj de la Genova Konferenco. Por respekte memorigi la grandan pensulon en la 50ª datreveno de lia morto, la urbestraro, havenestraro, bankoj, societoj, urbanoj kaj eĉ esperantistoj ĉiulandaj konkuris per publika monoferado kies nomaro aperis en urbaj gazetoj. Tiu nomaro estas de la grupo dankeme konservota en aparta kajero. La tradukinto tutkore dankas liajn multnombrajn gratulintojn konatajn kaj nekonatajn kaj informas, ke en eventuala 2ª eldono li liberigos la verketon de ĉiuj dube kompreneblaj naciismoj, malklaraĵoj kaj preseraroj, kiuj, pro manko de tempo, enŝoviĝis.

La libreto jam estas dissendita senpage al plimulto da UEA-anoj. Monoferintoj povas ĝin peti al jena adreso: Laborista Esperanto-Grupo, Casella Portale 9,22, Genova (Italio).

## Ukrajna Respubliko.

El Odessa skribas S-ro Vozdviĵenskij: Unu el la plej malnovaj Odessa'aj societoj daŭrigis sian ekzistadon dum la lastaj tri jaroj malgraŭ tre malfavoraj cirkonstancoj, okazis multaj publikaj paroladoj de S-roj Vozdviĵenskij, Pill, Franc A. Rublev kaj Ĵavoronkov, kelkfoje malfermiĝis kursoj ĉe kluboj kaj ĉe oficejoj, sed kun tre malgranda sukceso pro malfavora rilato. Nuntempe oni propagandas inter studentoj de superaj lernejoj, en lernejo de L. Tolstoj estas kursoj por lernantoj, gvidas V. Vozdviĵenskij. Ĝis la pasinta jaro ni estis solene izolitaj de la tuta mondo, kio tre malhelpis al nia propagando. Nun ni ion ricevas el eksterlando, sed manko de esperantaĵoj ankoraŭ estas granda! Precipe estas domaĝe, ke ni *tute* ne havas „Sciencan Revuon“, kiu tre helpos al nia propagando inter fakuloj. Ankaŭ iuj samideanoj multe laboras por esp. literaturo (baldaŭ estos finita traduko de verko de Gogol „Malvivaj Animoj“, tiu estos unua volumo de projektata plena Gogolverkaro).

En oficiala ĵurnalo de Ukraina Komis. de Popolklerigo „Putj Prosveŝĉenija“ (Vojo de Klerigo) N. 4, Harkov, aŭgusto 1922, aperis plena raporto pri Ĝeneva Konferenco.

## Pollando.

La 20. I. okazis publika parolado de S-ro Pruski en Lublin kun sukcesa ekspozicio. 3 kursoj tie. Rondeto fondiĝis.

## Azio.

**Manĝurio.** En Harbin [Manĝurio] okazis pluraj paroladoj kaj kursoj dank' al laboro de S-roj Antoŝjeviĉ kaj Ŝeriŝev. En la gazetaro manĝura aperis 118 notoj pri Esperanto dum la lastaj kvin monatoj, inter alie la Manifesto de la Ĝeneva Konferenco.

**Siberio.** Esperanto estas instruata devige en ĉiuj klasoj de la lernejo en Barnaulo. Ĉar mankas libroj, pastro Seriŝev petas, ke oni sendu eĉ malnovajn iajn legolibretojn po 10 ekz. al la instruistino F-ino Varvara Seriŝeva, ŝkola de la IIIª Komintern, Barnaulo, Altajo, Siberio.

## Ĉina Respubliko.

Okazis en la 15ª decembro 1922 en la Nacia Universitato de Peking granda kunveno por festi la naskiĝ-tagon de D-ro Zamenhof. La salonego estis plena de ĉeestantoj — studentoj kaj vizitantoj. La Prezidanto de la Ĉina Respubliko kaj la Ministro por Publika Instruado estis reprezentataj ĉe la kunveno. Prezidis D-ro Y. P. Chai, rektoro de la universitato, kiu malfermis la kunvenon kaj parolis elokvente por rememorigi la noblan laboron de nia honorinda „fondinto“. Li daŭrigis pri la neceseco de komuna lingvo kaj Esperanto kiel lingvo komuna, kaj konkludis pri la progreso de Esperanto. Kantis l' „Esperon“ S-ro V. Eroŝenko. Parolis Prof. K. K. Sun kaj S-ro Lin, reprezentanto de la Ministro por Publika Instruado, la lasta favore gratulis Esperanton laŭ vidpunkto de filologio. Poste parolis ministro D-ro Wellington Koo, kiu esprimis sian kontentecon pri Esperanto kaj montris la grandan necesecon de internacia lingvo en rondo diplomata. Ankoraŭ parolis aliaj. Sekvis longa aplaŭdo kaj aklamo. Efektive la kunveno fariĝis unu el la plej grandaj festoj en la universitato dum 1922. Ni deziras al ĉi tiu institucio novan forton kaj ankoraŭ pli grandan progreson de Esperanto en la jaro 1923.

## Japana Imperio.

La Unuiĝo de Kiota Studentaro fondiĝis en januaro 1920 kaj deklaris oficiale sian organizadon la 1an de septembro 1922. Ĝi konsistas el 12 Esperanto-grupoj de universitatoj kaj altgradaj kolegioj en la tuta urbo. La prezidanto estas D-ro Ŝimmura, filologo, kiu ĉeestis la Dresdenan Kongreson. En la „Ryûkokudaigaku“ [Universitato Budaista] oni alprenis Esperanton kiel fakultativan lecionon, kies unua kurso finiĝis la 7an de decembro. S-ro H. Jagi, del. de UEA, ĝin gvidis kaj al ĝi aŭskultis 150 p. ĝis la fino. Oni deziras akiri talentajn esperantistojn por la traduko de gravaj Budaismaj dokumentoj kaj samtempe korespondadi kun eŭropanoj pri tiu temo. Adr. Ryûkokudaigaku, Sitidyô-Omiya-Kioto. La Universitato apartenas al la du grandaj katedraroj de la Japana Budaismo. La alia universitato Budaista, t. e. Ôtanidaigaten, havas jam Esp.-grupon. Ambaŭ klopodos kune por malfermi la vojon de l' evoluiĝo de Budaismo.

En la Kiota Farmacia Kolegio okazis du kursoj. La direktoro S-ro Taĉiiri favoras multe. Baldaŭ li enmetos Esp. en la lernejan tagordon. S-ro Jagi paroladis pri Esperanto kaj UEA en Okajama la 12an de novembro kaj propagandis kune kun D-ro Ramstedt, finnlanda ministro.

## Suda Ameriko.

La Brazila Parlamento aŭdis tre interesan diskuton pri Esperanto dum decembro lasta pro propono de sia sekretario, la konata deputito D-ro José Augusto, kiu prezentis projekton de leĝo starigantan oficialan katedron de ekzamenoj pri Esperanto en la Kolegio Pedro II kaj en ĉiuj ŝtatlernejoj kie okazas ekzamenoj pri vivantaj lingvoj. La projekto estis resendita al la Komisiono de Instruado, kiu ĝin unuanime aprobis la 12 decembro, kaj adoptis raporton tre favoran al Esperanto. Ĝin legis antaŭ la Nacia Deputitaro la raportanto S-ro Tavares Cavalcanti la 20an de decembro. Ĉe la dua diskuto, la 22an, faris belegan paroladon por Esperanto S-ro Augusto de Lima, membro de l' Akademio Literatura. Fine la 28an la leĝo estis unuanime adoptata kaj sendata al Senato. Sekve de tiu granda sukceso por Esperanto, la Ministro de l' Interno kaj la Ministro de l' Ekstero akceptis honorprezidi la Sepan Brazilan Esperanto-Kongreson, kiu okazos en Rio de Janeiro la 9—14 marto proksima.

Ni kore gratulas niajn brazilajn amikojn pro la ĝojiga progreso de nia afero en ilia bela lando kaj esperas, ke la kongreso konvinkos sian honorprezidanton ke li komprenigu al sia oficiala reprezentanto en Bern kaj ĉe la Ligo de Nacioj kiom erare li agis lastan aŭtunon.

## Aŭstralio.

La reveno de S-ro P. T. B. Hudson post mondvojaĝo tre kuraĝigis la esperantistojn en Aŭstralio. La tutlanda gazetaro rakontis kiamaniere nia samideano vojaĝis tra la tuta mondo renkontante ĉie afablan helpon kaj amikecon de simpatiaj UEA-delegitoj kaj parolante ĉie Esperanton.

## TRA LA FILATELIO

**Esperanto-Kongreso.** La partoprenintoj de la naŭa kongreso en Bern (1913) memoras la poŝtoficejon en la „Kazino" tiom bone gviditan de samideano poŝtoficisto D-ro Spielmann. Tiam la unuan fojon oni havis senvalorigan stampon kun mencio pri la kongreso. Estis ordinara ronda stampo kun enskribo *IX-a Kongreso de Esperanto.* Tiutempe la reklamo kaj propagando per poŝta stampo estis io nova, neordinara. Hodiaŭ jam uzata por konigi ĉion eblan, kiel dum la milito en Svislando la atentigo ŝpari viandon — *Spart Fleisch — Economisez la viande* — la reklamo jam ne plu incitas scivolemon. Sole, se nova maniero estas trovata. La kongresa komitato havis bonan ideon stampigi jam nun korespondaĵojn per tia reklamo dulingva. Ni prezentas al niaj legantoj ekzemplon:




**Irlando.** Antaŭ kelkaj monatoj la anglaj poŝtmarkoj vendataj en Irlando havis surpreson por respondi al la fakto de Irlanda sendependeco politika. Nun jam ekzistas propraj poŝtmarkoj de $1^1/_2$ kaj 2 pencoj; aliaj estas en preparo. La bildo montras geografian mapon de Irlando kun surskriboj en ira (gaela) lingvo kaj skribo.




**Kiel la aŭtoritatoj en Panamo protektas poŝtmarkkolektantojn.** La sekretario de la „Filatelista klubo" en Plzeň S-ro A. P. sendis en Panamon laŭ anonco al iu Luis P. Forero elektotaĵon de P. M. por interŝanĝo. Je sia surprizo li ricevis post mallonga tempo oficialan leteron de poŝta kaj telegrafa direkcio en Panamo kaj en ĝi jenan noton datumitan je 29. VI. 1921: „Tiu ĉi letero estis malfermita laŭ speciala ordono de sinjoro Sekretario de Ministerio de Enlandaj Aferoj kaj de justeco, por ke oni malhelpu S-ron Luis P. Fereron, kondamnitan je malliberejo, daŭrigi trompoŝtelojn, kiujn li faras al komercistoj kaj al korespondantoj, kiuj okupas sin pri vendado kaj interŝanĝado de PM." Subskribis la direktoro de poŝto kaj telegrafoj. La sendaĵo mem revenis sendifekte. La atentemeco de Panamaj aŭtoritatoj al filatelistoj meritas certe dankemon, kiun ni el malproksimo komunikas al ili per tiuj ĉi linioj. Kolektantoj estu per tio atentigitaj, ke ili ne agu tuj laŭ nura anonco, sed pli frue almenaŭ interkonsentu kun la adresato kaj petu de li elektotaĵon, aŭ ke ili sendu PM de malgranda valoro, post kies perdo oni povos facile konsciiĝi. *H. J.*

---

## TRA LA FAKOJ

### Vegetaranoj.

La IV-a Internacia Vegetara Kongreso okazos en Stockholm, dum Pentekosto, 19—21 de Majo 1923.

Samtempe la Sveda Vegetara Asocio festos sian 20-jaran ekzistadon.

Delegitoj por vegetaraj organizaĵoj en pluraj landoj jam aliĝis.

Tiu kiu deziras iajn sciigojn skribu en Esperanto al S-ro Redaktoro J. L. Saxon, Lästmakaregatan 12, Stockholm C.

Esperantistaj vegetaranoj, kiuj intencas partopreni, komuniku pri tio la delegiton de UEA en Stockholm, S-ro Henning Halldor, Helsingegatan 9, Stockholm V a.

---

## Tra la Gazetaro.

**Esperanta Finnlando** havis la bonegan ideon, represi la karikaturajn portretojn de S-roj K. von Frenckell, G. Chavet, S. Essigman, K. Kaloscay, E. Nylen, H. Bonnevie, Ŝ. Narita, Isbrücker, Arnhold, E. Privat, A. Sandström kaj V. Setälä, kiuj aperis en finna gazeto „Unsi Suomi" dum la 14a Kongreso.

**Esperanto Triumfonta** dediĉas tutan numeron ilustritan al Nürnberg, urbo de la XVa Kongreso.

**Konkordo** (Zagreb) parolas pri samideano kiu devis suferi pro nescio kaj malŝato rilate Esperanton. „Nia brava Splita samideano ĝendarmo A. Marinoviĉ ĵus pro Esperanto estis translokigita al Obrovac. Iu enviulo vidante ke Marinoviĉ ricevas ĉiutage leterojn kaj aliajn esperantaĵojn el la tuta mondo denuncis lin kiel komuniston kaj liaj estroj konvinkitaj ke li povas fariĝi danĝera por liaj kolegoj, bontrovis izoligi lin. Sed nia Marinoviĉ tute ne malkuraĝiĝis, li tuj en Obrevac komencis fosi nian sulkon kaj nun li malfermis esperantan kurson kun 12 lernantoj en privata ĉambro de ĉi tiea plej nova sampensano S-ro Ivežiĉ. Ni povas nur gratuli al nia fervora pioniro S-ro Marinoviĉ, kiu per sia senlaca agemeco pruvas ke oni ĉion povas, se oni nur volas."

**La Teristo** (S-ro St. Szabuniewicz, poŝtkesto 663 en Moskva) enhavas artikolojn pri la Nova Lernejo de Prof. Ferrière, Terreformo, Moravaj Fratoj, kaj artikolon pri nuntempaĵo la Rejuniĝo kaj plilongigo de vivo per la metodo de D-ro Voronof.

**Ko - Fi - Nu - Ko** (Poŝtkesto 180, Budapest 41). — Sub tiu stranga titolo, mallongigo de Korespondo — Filatelio — Numismatiko — Kolekto, aperis nova gazeto. Ĝi estas la plej interese kunmetita esp. bulteno dediĉita al tiuj fakoj. Ni gratulas la redaktoron ke li ne nur pritraktas la ĝenerale faratajn kolektojn de PM. aŭ PI. sed ke li instigas la legantojn dediĉi sian kolektemon al aliaj objektoj: blazonoj, ludkartoj, ĉiamaj kalendaroj, moneroj, medaloj, sigelmarkoj, ktp. pri kiuj aperas tre interesaj artikoloj.

**La Spritulo** (eldonisto J. Taŭbmann, Haida, Bohemio) entenas amuzajn karikaturojn, interalie grandan bildon de S-ro Cart, Kavalire kaj Akademiestre defendantan la Fundamentan Biblion kontraŭ miniaturaj kanonoj, kiuj alpafas novaĵojn kiel *-io, -enda,* ktp.

**La Pola Esperantisto** (Krolewska 19, Warszawa) vidas la kanonon ĉe la alia flanko. En artikolo titolita „Solvo nenion solvanta“ ĝi diras: „La Voĉdonado (de L. K. pri landnomoj) estis aranĝita en imageble plej faciligita sed malplej objektiva maniero: anstataŭ preni sub konsiderado geografion, historion, tradicion, lingvosciencon..., oni eltrenis el magazeno de akademiaj rekvizitoj la imponan kanonon de ŝajna fideleco kaj pafis... forgesinte tamen ŝargi. La popolo admiros la fidelecon de l' Akademio, laŭdos la tradicion de la L. K. kaj lojale uzados *-io*, ĉar oni devas koni la popolon.“

**Internacia Medicina Revuo**, eldonejo „Kultura“, Budapest VI, Terez-körut 5. Jen treege subteninda organo, kiun ĉiuj bonvalutanoj helpu per abono (20 francaj frankoj) kaj kunlaboro kun ĝia sindona redaktoro D-ro Karlo Mezei. Jam de longe oni deziris reaperon de tiu fakista organo. Ni esperu, ke tiun ĉi fojon ĝi vivos longe kaj regule, eĉ se modeste. Kiam la kuracistoj estos bone organizitaj en Esperantujo, ili povos ankaŭ havi sian propran teknikan konferencon.

**Tra la Literaturo**, eldonejo Ader, Dresden-A. 27, Bamberger Str. 43, analizas detale niajn librojn kaj gazetojn, meritante sian titolon „Universala informilo por libro-amantoj“.

**„France-Esperanto“** — monata organo de francaj esperantistoj, aperas nun sub la direkto de S-ro F. de Ménil (adreso: 51, rue de Clichy, Paris 9e), jarabono: por eksterlando 8 fr. fr. Dum la pasinta jaro ĝi publikigis serion de speciale verkitaj propagandaj artikoloj de fama historiisto, prof. Aulard, advokatino Maria Verone, ĉefredaktoro de „Le Cuir“, S-ro Gowrlay, deputito S-ro Couteaux ktp. kaj tre varian enhavon. Ĝi estas tre rekomendinda propaganda gazeto por franclingvanoj.

**La Verda Ombro.** — „S-ro Secu Kato, aŭtoro de lernolibro de Esperanto en 1904, priparolis ke antaŭ ĉirkaŭ 20 jaroj, post ellernado li volis uzi nian lingvon dum vojaĝo al Eŭropo sed li malsukcesis; unue alveninte en Marseille li volis viziti verdstelulon en la urbo kaj pridemandis kelkajn homojn sur la strato pri esperanta grupo, sed vane; li vizitis grandan librejon kaj petis ĉu esperantajn librojn oni vendas, li malesperis je la respondo ke oni scias nenion pri ĝi, neniun esp. libron vendas. Kaj en Belgio, Britlando, li renkontis neniun esperantiston, kaj li poste eksiĝis el la movado ĝis nun.“

Tiu missukceso okazis antaŭ 20 jaroj. Esperantisto vojaĝanta nuntempe povas renkonti ĉie delegitojn dank' al la jarlibro de UEA. Malgraŭ tio multaj esperantistoj, kiuj parolas pri „UEA, la granda praktika asocio“, ne estas membroj kaj vojaĝas kiel faris antaŭ 20 jaroj S-ro Secu Kato, ne renkontante la esperantistojn, kiuj ĝojus ĉie ilin akcepti!

# Lingvaj Studoj.

## Pri landnomoj.

Japana samideano demandas kian logikon ni trovas en uzado de landnomoj: Germanio, Rumanio, apud Svislando, Pollando. La afero ne estas pri logiko, sed pri disciplino kaj internacieco.

Ĉar la Lingva Komitato aprobis la negativan sintenon de l' akademio rilate al *-io*, ni rezignis uzi tiun ĉi oportunan formon kiel ĝeneralan sufikson kaj ni klopodas fidele respekti tiun akademian deklaron: „La finaĵo *-io* (ne sufikso), kiam internacia en landnomo, ne estas kontraŭfundamenta *(Germanio* apud *Germanujo*, kiel *evolucio* apud *evoluo*, Fundamento § 15).....“

Pro tio ni ne plu uzas formojn kiel Svisio, Britio, aŭ Polio (kiuj ne ekzistas en aliaj lingvoj), kvankam la komisiono de UEA lasas ĉiujn kunlaborantojn plene liberaj uzi la formojn de ili preferatajn.

Atendante ke la Lingva Komitato trovu sciencan solvon de la landnoma problemo, ni limigas nin je uzado, kiu ne kontentigas logikon kiel la ĝeneraligo de *-io*, sed kiu almenaŭ respektas samtempe la fidelecon al Fundamento kaj la poŝtogeografian internaciecon. Tiuj avantaĝoj jam sufiĉe valoras.

*(Red.)*

## Finnlanda Foiro a. s.

Ni varme rekomendas al la Delegitoj la jenan peton:

Per ĉi tio ni plej sincere volas esprimi nian ĝojon pri la servo, kiun vi bonvolis fari al ni.

La valoro kiun nia oficiala subteno kaj favora opinio eble povas enhavi, estas la minimumo per kiu ni povas rekomendi Esperanton kiel internacian komercan lingvon, ĉar la rezultoj, kiujn ni ĝis nun spertis estas entute surprizigaj.

Por influi al la komercistaro de Finnlando ni decidis aranĝi dum la foira semajno ekspozicion de nia peresperanta reklamo, al kiu ekspozicio ni atendas multajn naciajn gazetojn, kiuj ion enpresis pri ni aŭ nia lando kaŭze de nia peresperanta propagando.

Ni kredas, ke ni per tiu ago donas apogon al la esperantistaj rondoj, kiuj fidas en la solvan influon de la komercista mondo en tiu ankaŭ por ni gravega kulturdemando.

Altestime dankante

Por la Direkcio de Finnlanda Foiro
Esperanta Sekretario:
*Konrad Ojala*
Punavuorenkatu 22, Helsingfors.

# Svisa Esperanta Societo.

Post la ĝenerala kunsido en Zürich la grupoj ekkutimiĝis sendi regulan raporton al la Centra Komitato pri sia agado dum monato. Tre interesaj raportoj estas ricevitaj de la grupoj en Lyss, Burgdorf, Zürich, St. Gallen kaj Genève. Ni tre esperas, ke de nun ankaŭ la aliaj regule nin informos pri siaj farajoj.

El Nürnberg venis respondo de la Loka Kongresa Komitato, kiu montras kaŭzojn, kial ĝi ne povas malgrandigi la altkostan kongreskotizon de la svisoj (Fr. 20). Kompense la L. K. K. akiris de la registaro kaj de urbkonsilantaro la promeson ke la kongresanoj, paginte sian kotizon, ne bezonos plie pagi la restadpermeson en Bavario, kiu sumus por anglo je tri funtoj por unu semajno, laŭ aserto de la L. K. K.

Ĉiuj svisoj partoprenontaj la Nürnbergan Kongreson bonvolu sendi sian adreson al Centra Komitato de S. E. S. por ricevi eventuale kunvokon se speciala faka kunveno de la svisoj okazos tie, laŭ la deziresprimo de la ĝenerala kunsido en Zürich.

S-ro Jules Perlet, Gutenbergstrasse 21, Bern, faras tre utilan propagandon en kantono Bern per paroladoj, kursoj kaj montro de lumbildoj. Belegan kolekton de kliŝoj li nun posedas kun portretoj, kongresaj vidaĵoj, historiaĵoj pri Esperanto, gramatiko germanlingva ktp. La grupoj dezirantaj montri tiujn kliŝojn turnu sin al li, ankaŭ tiuj, kiuj estus pretaj partopreni je komuna aĉeto de projektilo.

La prezidanto de S. E. S., D-ro Privat, faris propagandan vojaĝon en kantono tiĉina kun paroladoj en Lugano, Locarno kaj Bellinzona. Granda intereso montriĝis tie pri la Venezia Konferenco kaj la tri grupoj aliĝis al S. E. S.

Du svisaj lernolibroj aperis tiun ĉi vintron, unu por franclingvanoj, de D-ro Privat, kun multaj konversaciaj tekstoj kaj rakontoj en Esperanto gradigitaj kaj duobla vortaro (eldonejo Atar, Genève, Fr. 2,50), alia por germanlingvanoj, de S-ro Jules Perlet (ĉe la aŭtoro, Fr. 2,50). Pri tiu lasta ni publikigas recenzon senditan de nia malnova bonkonata svisa pioniro Fridöri.

La sekretariino: *Alice Diekmann.*

* * *

**Ausführliche Grammatik der Esperanto-Sprache** von *Jules Perlet.* Bern 1922, Buchdruckerei Alfred Schmid & Cie.

Esperanto-Lernolibroj de svisaj germanlingvanaj aŭtoroj ekzistas nur tre malmultaj kaj pro tio mi vere ĝojas, ke per tiu recenzo mi povas atentigi svisajn kaj aliajn samideanojn al la detale ellaborita gramatiko de sinjoro Perlet, diplomita instruisto de Esperanto.

Ĝenerale dirite ĝi estas tre laŭdinda kaj rekomendinda verko. Sinjoro Perlet konas funde nian karan Esperanton kaj ĉiu lernonto povas sekvi lin kun plena fido. Evidente ofte li uzis la „Lingvaj Respondoj“ de nia Majstro kaj konsultis ankaŭ la gravajn „Sprachliche Gutachten“ de W. Lippmann.

Esperantisto, trastudinte atente ĉi tiun lernolibron, certe konas sufiĉe bone la Zamenhofan lingvon kaj kapablos tuj legi senpene la ĉefverkojn de niaj eminentuloj.

La papero de la libro estas bela kaj forta, bona estas la preso, bone legebla, la reguloj lingvaj senpene superrigardeblaj, la teksto sen eraroj.

Pri l' aranĝado de la lingva materialo en la 17 lecionoj mi tamen deziras fari kelkajn rimarkojn.

Esperanto-lernolibro laŭ mia opinio kaj sperto, farita en kursoj kun knaboj kaj kleraj plenaĝuloj, devus esti dividata en 40 lecionoj.

50 novaj lernotaj vortoj en ĉiu leciono estas pli ol sufiĉa nombro, tiam la lernanto kapablos ilin lerni parkere kaj praktike uzi sen troa penado. Estas granda eraro amasigi 80—100 aŭ pli da vortoj en unu nura leciono. Tion farante, kio certe okazos? La lernanto tute simple ilin *ne* lernas, ilin lerni ne povas. Li do estas devigata komenci novan lecionon, ne sciante grandan parton da vortoj de l' antaŭa. Tio certe malfortigos lian fervoron.

Se la tuta lingva materialo estas dividita en nur 15 aŭ 17 lecionoj, tiam la verkisto de tia gramatiko nepre estas devigata amasigi 80—110 vokabiojn en ĉiu leciono, ĉar finfine estas necese la studanto lernu certan kvanton da vortoj, alie li neniam scius paroli, legi aŭ skribi. Ĉirkaŭ 2000 simplajn vortojn ĉiu esperantisto devas koni, ni ne kalkulu la devenaĵojn kaj kunmetaĵojn.

Mia kalkulo estas nun tre simpla: 40 lecionoj kun po 50 vortoj = 2000. Per tia divido oni forte malŝarĝas la lernanton, tiamaniere li facile povos sekvi la instruadon, ĉiujn vortojn li scias de unu leciono al alia; tio certe fervorigos lin al plua studado.

Ankaŭ aliaj kaŭzoj igas min multe preferi la dividon en 40. Mi asertas ke absolute estas neeble funde tralabori unu tutan lecionon en la libro de sinjoro Perlet (kaj de aliaj) dum tempa leciono, oni certe bezonos 2—3. Kial do ne fari tri lecionojn el unu?

Rilate al teksto mi preferus pli riĉan Esperanto-materialon kaj malpli germanan. Nur tre multe kaj tre ofte legante Esperanton la lernanto akiros fine la kapablon *pensi* en ĉi tiu lingvo. Multaj tradukoj el la gepatra lingvo al ĉi tiu celo ne kondukas. Bone mi rememoras niajn siatempajn francajn lernolibrojn por germanlingvanoj kun ĝiaj grandegaj serioj da plimalpli saĝaj germanaj frazoj tradukotaj francen. Multege ni laboris dum jaroj, sed surprize malgranda estis la sukceso: neniam ni pensis france, ni nur tradukis, tradukis . . . . Ni do vidas al kio utilas multaj tradukoj.

Tre ŝatindaj (anstataŭ ne interrilataj frazoj en la teksto) estus konversaciaj ekzercadoj el la ĉiutaga vivo, rakontetoj, leteroj, priskriboj, kelkaj spritaĵoj, kiuj certe vigligus la instruadon, fervorigus la studanton anstataŭ lacigi lin, kiel tio sendube okazas kiam oni al li prezentas longan serion da ne interesaj, ne bone digesteblaj frazoj.

Pro tio mi multe ŝatas lernolibrojn enhavantajn kiel eble plej multe da esperantaj frazoj. En fama itala gramatiko de prof. Donati por germanlingvanoj estas eĉ ne unu sola germana frazo, kaj tamen ĝi estas bona kaj ĝia plena taŭgeco de longe pruvata.

*Henriko Fridöri.*

---

# Esperantista Literatura Asocio.

*Marta raporto.*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

El Melbourne (Aŭstralio) nia respektinda kolego, S-ro Armand Caumont, nun okdekjarulo, ricevis leteron kun varma laŭdo al sia traduko *„For la batalilojn“* de Berta von Suttner. La tute fremda al li samideano diras, ke ĝi estas verko de plej altgrada graveco pro ĝia ideo forigi la militon per arbitracio. La skribinto ankaŭ tre laŭdas la bonegan, fundamentan stilon de la verko, kiu havas lokon inter la plej bonaj verkoj en Esperanto. E. L. A. sincere substrekas tiujn ĉi vortojn.

Al la plej bonstilaj kaj fundamentfidelaj libroj certe ankaŭ apartenas „La Senlingvulo“, trad. de Maria Ŝidlovskaja kaj la ĵus aperinta „Taglibro de Vilaĝpedelo“, trad. de H. J. Bulthuis „Idoj de Orfeo“ de la sama aŭtoro baldaŭ aperos, espereble ankaŭ iam la „Imperiestro kaj Galileano“, trad. de Ibsen.

E. L. A. ĉiam laŭpove anoncas la intencatajn tradukojn de libroj kaj rakontoj. Ne estas bone, se du tradukoj de sama verko samtempe aperas, oni evitu tian malutilan konkuradon. Sed alia afero estas, se du diversaj tradukoj de poemo aŭ de rakonteto aperas, la komparo povas esti tre interesa kaj neniel malutilas. Ni tial kun plezuro antaŭvidas la aperon de „Neĝblovado“ de Andreo Fiŝer, kvankam jam ekzistas traduko de A. Grabowski. Io simila okazos pri la du tradukoj de la „Sonorilo“ de Ŝiller de kolonelo Zwach kaj de H. Steding. Ambaŭ estas bonaj, la legantaro decidu mem, kiun ĝi preferos.

Jen grava por poetoj demando! Ĉu poemoj estas tradukotaj precize laŭ la ritmo de la originalo, aŭ ĉu ĝi povas ricevi novan, apartan ritmon? La tradukanto ja certe ne volas kripligi la lingvon, Esperanto ĉiam eksonu bele, glate kaj flue. En „Parnaso de Popoloj“ ni vidas, ke Grabowski tre ofte kreis novan, memstaran versformon per sia traduko. Tre interesaj estas liaj du tradukoj laŭ „Erlkönig“ de Goethe. Unu el la tradukoj estas tute libera:

Kiu rajdas tra nokto, kun vento pro l' vet'?
Tio estas la patro kun sia filet'!

La dua traduko estas laŭ ritmo de l' originalo por la muziko de Schubert:

Kiu rajdas tra nokt', kun vent' pro la vet'?
Jen estas patro kun infanet'.

Steding ankaŭ tradukis la „Elfreĝo“, ni komparu kaj juĝu.

Modela kiel ĉiam estas nia Majstro. Li ĝenerale tradukis laŭ la ritmo de la originalo. Lia „Kanto de Studentoj“ ne estis tute konforma al la melodio de la originalo: „Gaudeamus igitur“, Zamenhof afable faris la deziratan ŝanĝon por la kantlibro de la kvara kongreso.

Kontrolantaj kolegoj havas la rajton, eĉ la devon, forigi novajn, ne facile kompreneblajn vortojn, anstataŭigante ilin per konataj fundamentaj vortoj. Kio fariĝos el Esperanto, se ĉiu tradukanto al si permesos enkonduki nur tri necesajn novajn vortojn? La aŭtoroj bonvolu pripensi, ke ili per tiaj aldonoj ne plivalorigas sian verkon.

Samideanoj, kiuj afable volas sendi librojn aŭ broŝurojn al Parizo, bonvolu adresi jene: Al la biblioteko de l' Grupo Esperantista Pariza, 32 Boulevard Saint-Germain, Paris 5 e. (Sen nomo).

D-ro Adolf Bischitzky komencis traduki: „La suferoj de la juna Werther“ de Goethe. S-ro H. Steding estas tradukanta: „Mozart survoje al Praha“ de Möricke.

Pro la altaj poŝtprezoj ni de nun nur tie ĉi danke kvitancas por kotizoj. Pagis: A. Caumont, H. Heitmüller, M. Butin, H. Steding, F. Jahn, O. Rieck, R. Löwe.

Aliĝis: S-ino M. Krestanoff, Dresden, Wintergartenstr. 9; S-ro H. Steding, Bremen-Horn, Berckstr. 10; S-ro Heitmüller, Bremen, Waller-Heerstr. 134; S-ro L. Steinke, Greifswald. (Ĉiuj en Germanujo.)

La Esperantista Literatura Asocio tre danke ricevis diversajn librojn, pro manko de loko citado de la titoloj ne estas ebla.

*Marie Hankel,* Dresden, Nicolaistr. 18.



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, laŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj frankoj. *Membro* (M) *5 Fr. Membro-Abonanto* (MA) *12,50 Fr. Membro-Subtenanto* (MS) *25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj; *300 Fr.* (Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu nacia prezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Aŭstrio:** Kr. 20, 40, 150 mil; **Belgio:** Fr. 10, 25, 50; **Britio:** ŝil. 5, 12|6, 25; **Bulgario:** L. 45, 100, 400; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 18, 45, 90; **Danio:** Kr. 5, 12, 24; **Estonio:** Emk. 75, 150, 600; **Finnlando:** Fmk. 22, 60, 120; **Francio:** Fr. 10, 25, 50; **Germanio:** Mk. 5, 10, 25 mil; **Hispanio:** P. 6, 15, 30; **Hungario:** Kr. 750, 1500, 6000; **Italio:** L. 12, 30, 60; **Jugoslavio:** D. 22, 60, 120; **Latvio:** Lat. 1.50, 3, 12; **Litovio:** L. 1, 6, 24; **Nederlando:** G. 2.50, 6, 12; **Norvegio:** Kr. 5, 12.50, 25; **Polando:** Pmk. 8, 16, 60 mil; **Rumanio:** L. 45, 100, 400; **Svedio:** Kr. 4, 10, 20; **Usono-Kanado:** D. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj.

La helpmembroj (HM) kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Kr. 7000; Bulgario: L. 15; Estonio: Mk. 25; Germanio: Mk.1200; Hungario: Kr. 250; Latvio: Lat. 0.50; Litovio: L. 1 H; Polando: Mk. 2500; Rumanio: L. 15. La HM ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro, gazeto kaj enskribon en la interrilata adresaro.

La Entreprenoj de UEA (komercaj firmoj, societoj k. t. p.) pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105439. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio: No. 79236, Praha. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main.*

---

**Decidoj de la komitato.** Demandita per cirkulero la Komitato de UEA, pritraktis diversajn negocojn kaj inter aliaj faris jenajn decidojn:

a) Ekzameninte laŭ la deziro de la 8ª kongreso de UEA, la kondiĉojn pri la akcepto de anoncoj por la jarlibro kaj la gazeto „Esperanto" la komitato aprobas la ĝisnunajn kondiĉojn tiel, kiel estas fiksitaj en la oficialaj bultenoj de novembro-decembro 1919, 1920 kaj 1921.

b) La Komitato de Universala Esperanto-Asocio deklaras en ĝia nomo la aliĝon al la „Oficiala Esperantista Organizo" akceptita de la XIVª Universala Kongreso en Helsinki. Konsiderante, ke mankas en la organiza statuto artikolo pri ĝia ebla revizo, la komitato limigas la aliĝon al periodo de tri jaroj, ĝis *31. decembro 1925*, post kiu ĝi denove decidos.

*La Komitato:* petas sian Komisionon elekti la reprezentantojn kaj fiksi la subvencion de la Asocio, konforme al ĝia financa situacio, la pagoj de la aliaj kontraktintoj kaj la monbezonoj de la Centra Esperanto Komitato: dankas al S-roj W. Page kaj D-ro Edm. Privat por ilia laboro favore de la ĝenerala organizo.

**Novaj teritorioj.** Laŭ propono de la Ĝenerala Sekretario la Prezidanto de UEA aprobis la starigon de jenaj teritorioj kaj nomigon de ĉefdelegitoj:

*Estonio:* Amplekso: tuta lando. Ĉefdelegito: F-ino Helmi Dresen, Posta kast 6, Tallinn.

*Paris:* Amplekso: Departementoj Seine, Seine et Oise, Seine et Marne.
Ĉefdelegito: S-ro Georges Delanoue, 4 rue Charles Divry, Paris XIV.

Al la du novaj ĉefdelegitoj ni esprimas sinceran dankon por la granda sindonemo montrita per fidela laborado por UEA.

**Esp.-Grupoj, firmoj kaj korporacioj.** Ni konstatas, ke pluraj delegitoj notas sur membrolisto, esperantistajn grupojn aŭ firmojn, aldonante signon MA. Ni ripetas, ke laŭ statuto Art. 8 povas esti membroj nur personoj, do individuoj; Art. 14 indikas ke firmoj, societoj ne povas esti membroj. Tio rilatas ankaŭ al esperantistaj grupoj. Konklude: Ni notas tiajn aliĝojn kiel *abonmendoj* por unu jaro, se estas esp. grupoj. Pri ili ni ne reskribas speciale al la delegito, konsiderante ke la informoj per statuto, bulteno, oficiala informilo devus sufiĉi.

**Libervola kotizo.** Komprenante la nunan situacion jam kelkaj dumvivaj membroj el la unua serio pagis libervole kotizon de membro-abonanto aŭ subtenanto. Iliajn nomojn ni publikigas iom poste; ni kore dankas al tiuj bonvoluloj.

**Garantia kapitalo.**

*Unua serio:*

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo: | 9375.— |
| Akiris duan ateston de la unua serio: | |
| S-ro E. J. M. v. d. Laarschot, Bussum | 125.— |
| | Fr. 9500.— |

**Statistiko de la poŝtajoj.** — Movado de la poŝtajoj dum januaro 1923: Ricevitaj: 1282, forsenditaj: 1236, entute: 2518

**Kotizoj por 1923.** — Je la 31ª de januaro estis enkasigitaj 24 kotizoj de Helpmembroj, 521 de Membroj, 1603 de Membro-Abonantoj, 70 de Subtenantoj; sume 2218. (Sama epoko 1922: 2136).

**Subtenantoj.**

*Tria listo:*

26. F-ino H. Alschwang, Libiŝ; 27. S-ro D-ro Baart de la Faille, Arnhem; 28. S-ro Louis Gouchon, Lyon; 29. S-ro Karl, St. Claude; 30. S-ro Paul Humberset, Le Locle; 31. S-ro Otto Haller, Rorschach; 32. S-ro Buseth, Namsos; 33. S-ro E. V. Ahlin, Lundsbrunn; 34. S-ro Fritz Mitschke, Philadelphia; 35. S-ro M. G. Krane, Rotterdam; 36. S-ro Rolf Bugge-Paulsen, Kristiania; 37. S-ro Andrew, Feilding; 38. S-ro Groshek, Ngarnawaha; 39. S-ro D-ro Stamatiadis, Péra; 40. S-ro Vittoria Arcioni, Milano; 41. S-ro Walter Buchheim, Boulder; 42. S-ro W. W. Carpenter, Escondido. 43. S-ro Viktor Ruckis, Dotnava; 44. S-ro W. M. Page, Edinburgh; 45. S-ro T. A. Lindberg, Parola; 46. S-ro A. Caumont, Basel; 47. S-ro Thomson, Sydney; 48. S-ro Rud. Hromada, Praha; 49. S-ro Gerrita van Heek, Hengelo; 50. S-ro M. Germeraad, Hengelo; 51. S-ro Alex. Mann, Edinburgh; 52. S-ro Hans Janik, Unter-Franzenstal. 53. S-ro Michele Arabeno, Genova. 54. S-ro J. R. G. Isbrücker, 's Gravenhage. 55. S-ro C. P. Ferree, Leesville La. 56. S-ro Edwin N. Wahl, Drammen. 57. S-ro Soetens, Paris. 58. S-ro D-ro D. Balasz, Koŝice. 59. S-ro Jos. Friedrich, Koŝice. 60. S-ro L. C. Silcox, Bath. 61. S-ro Ch. Jayet, Morges. 62. S-ro E. L. Southwick, Pawtucket. 63. S-ino Maria van Rees, Wilderswil. 64. S-ro L. M. Kanervo, Tikkurila. 65. S-ro Tauno Hakanen, Turku. 66. kaj 67. Ge-roj Aussenac, Sézanne. 68. S-ro Tamura Tadac, Nagasaki. 69. S-ro Yoshi H. Yshiguro, Nagoya.

**Atentigo al ĉiuj.** Kvazaŭ konfirmo de nia lasta atentigo pri filatelistoj tedantaj delegitojn, ni ricevis eksiĝon de afrika delegito kun jena rimarko: „Mi ricevis demandon. La skribinto unue deziras poŝtmarkojn, due specimenojn de cigaredoj! Mi ne respondis ĉar li nek donis sian UEA-numeron, nek enmetis respondkuponojn. Alia letero el Warszawa, miksaĵo de diversaj lingvoj kun esperantaj terminoj malĝuste metitaj diris: „liginte vian anoncon, — pensas — ke vi volas interŝanĝi poŝtkartojn ilustratajn ktp." Estis nur naiva ruzo ricevi ion senpage el „malofta" lando.

Ni do atentigas ree la delegitojn ke ili rajtas tuj forĵeti la petojn kiuj ne estas konformaj al la kondiĉoj de la statutoj. Ni petas la kursgvidantojn atentigi ke ĉiuj esperantistoj kaj delegitoj de UEA ne estas devige poŝtmark-kolektantoj kaj ke la filatelistoj devas sin turni al la personoj konigantaj speciale la deziron ricevi PM. aŭ PI. en la tiucelaj anoncoj.

**UEA kaj komerco.** La grava firmo Vivamol Limited en London skribis al ni: „La tekston de nia anonco por proksima jarlibro kun pago ni sendos al S-ro Epton, Sekretario en London. Ni profitas la okazon por gratuli vin pri via jarlibro, kaj ĝenerale pri via Asocio, kaj nur bedaŭras ke ne pli da komercistoj utiligas UEA por siaj aferoj."

Ni plezure represas tiujn liniojn en la oficiala parto esperante ke ili instigos tute speciale niajn delegitojn al plia laboro en la fako komerca; propaganda movado estas nepre necesa antaŭ la Komerca Konferenco en Venezia.

**Delegitoj.** Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

*Béziers* (Francio, Hérault). — D.: S-ro Alphonse Carles, av. Maréchal Foch 119.

*Bombay* (Hindio). — D.: S-ro A. K. Divekar, komizo, 19 E Ambewadi opp. Cinema Majestic Girgaon.

*Borlänge* (Svedio, Dalarne). — D.: S-ro Knut Larsson, komizo, Enoch, Cronberg.

*Bregenz* (Aŭstrio, Vorarlberg). — D.: S-ro A. W. Neuwirth, mekanikisto, B.-Vorkloster, Rosenstr. 180.

*Coblenz* (Germanio, Rheinprovinz). — D.: S-ro Emil Stroh, komercisto, Löhrstr. 90.

*Daruvar* (Jugoslavio, Slavonio). — D.: S-ro Otto Sobotka, oficisto.

*Gabrovo* (Bulgario). — D.: S-ro Vasil K. Tabakov, tajloro, Aprilov ul. 4.

*Honnef* (Germanio, Rheinland). — D.: S-ro Anton Jonas, studento. Schulstr. 62.

*Karlovo* (Bulgario). — D.: S-ro Stefanoff Matej, telegrafisto.

*Kuressaar* (Estonio). — D.: S-ro Johann Maripu, horloĝisto, Lossi Tän 5.

*Lysá n. L.* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Zdeněk Misar, komerca reprezentanto.

*Meissen* (Germanio, Saksio). — D.: S-ro Kurt Büttner, supera komisaro, Moritzburger Str. 33.

*Parkstone* (Anglio, Dorset). — D.: S-ro H. P. Eyers, presisto, 325 Ashley Rd.

*Relizane* (Alĝerio, Oran). — D.: S-ro Prosper Couffinhal, lernejestro, bd. des Mûriers.

*Saalfelden* (Aŭstrio, Salzburg). — D.: S-ro Anton Neumair, instruisto. — VD.: S-ro Valentin Hutegger, pastro.

*Szeged* (Hungario). — D.: S-ro Peter Turzó. fervoja ĉefkontrolisto, Szentháromsag ut. 30.
VD.: S-ro Gyula Szécsi, paprikmuelejo, Szabadsag ter. 13.

*Tocina* (Hispanio, Sevilla). — D.: S-ro Isidoro Diaz, negocisto, Soledad 23.

**Ŝanĝoj.**

*Alger* (Afriko, Alĝerio). — D.: S-ro Gilbert Courjon, komercisto, 19, bd. Laferrière.
VD.: S-ro François T. Mende, inĝeniero, rue Henri Martin 19.

*Bruxelles* (Belgio). — D.: S-ro Edouard Mousset, instruisto, 398, ch. de Boendael.

*Kristiania* (Norvegio). — D.: S-ro Arne Arnessen, bankrevizoro, Böndernes Bank.

*Riesa a. E.* (Germanio, Sachsen). — D.: S-ro Karl Krober, c/o D-ro W. Döhler, Goethestr. 55.

**La supraj elektoj fariĝas valoraj, se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD. agas provizore.**

Provizore ne plu estas Delegitoj en jenaj lokoj:

*Dordrecht* (Nederlando). *Le Raincy* (Francio). *Murcia* (Hispanio). *Starkoč* (Ĉeĥoslovakio). *Strehlitz* (Germanio). *Troy* (Usono).

*Genève*, 20a de februaro 1923.

*H. Jakob*,
Generala Sekretario de UEA.

# Korespondado.

## Komercistaj delegitoj.

La Komerca Konferenco en Venezia certe kolektos tre valoran statistikan materialon koncernante la disvastiĝon de Esperanto inter la komercistaro. Tamen la ĉefa tasko de la konferenco estos, trovi taŭgajn rimedojn por antaŭenpuŝi la praktikan uzadon de nia lingvo en komercaj rondoj. Estas do rekomendinde, ke la Esperantistoj, kaj speciale la komercistoj, jam nun faru tiurilatajn proponojn, kiuj povas esti diskutataj en „Internacia Komerco" antaŭ la konferenco. Ju pli frue la diversaj deziroj kaj proponoj de la komercistoj estas konataj kaj priparolataj, des pli rapide progresos la laboroj en Venezia.

La komercistoj bezonas grandan tutmondan organizacion por siaj celoj kaj bezonoj. Sed ne estas necese fondi novan Internacian Komercistan Unuiĝon, ĉar la Universala Esperanto Asocio (UEA) jam ludas similan rolon. Ĝi estas modele organizita kaj havas delegitojn en ĉiuj landoj, kiuj jam nun donas ankaŭ komercajn informojn. Tamen kelkaj plibonigoj de la delegita sistemo estas necesaj. La Delegitoj kaj Vicdelegitoj de UEA havas ĉiuspecajn profesiojn kaj ofte ne scias multe pri komercaj aferoj. Ili ofte ja uzas la helpon de aliaj kompetentaj Esperantistoj por plenumi la servojn postulitajn de komercistoj, sed ĝenerale estus nepre dezirinde, ke komercistoj povu sin adresi senpere al samprofesianoj.

Pro tio mi proponas, ke UEA elektu krom siaj ĝisnunaj delegitoj en ĉiu urbo specialan *„Komercistan Delegiton" (K. D.)*, al kiu ĉiuj demandoj kaj informpetoj pri komercaj aferoj estu sendataj. En urboj, kie ekzistas Esperantistaj Komercaj Grupoj, tiuj organizaĵoj, kiuj aliĝu en sia propra intereso al UEA, eble povus ludi la rolon de K. D. Se tiu propono *esence* estas akceptata, pluaj detaloj estas priparolotaj.

Alia afero facile povus esti kunigita kun la K. D.-a sistemo. La komercisto havas la plej grandan intereson havigi al si fidindajn informojn pri firmoj en eksterlando. Oni rajtigu la Komercan Delegiton ankaŭ plenumi tiajn servojn sen prirespondeco de UEA. La K. D. ja povus uzi por tiu celo la helpon de profesiaj informejoj. Detaloj pri la tarifo kaj la maniero de la rekompenco estas poste priparolotaj. Eble UEA povus vendi kuponojn, kontraŭ kiuj la firmoj ricevos de la K. D. la deziratan informon.

Por centrigo de ĉiuspecaj komercaj informoj la Centra Oficejo eble povus starigi specialan komercan fakon, kiu estu en ĉiamaj interrilatoj kun „Internacia Komerco."

Ju pli multe da avantaĝoj ni povas prezenti kaj garantii al la komercistoj, des pli volonte ili aliĝos al nia movado. Ili uzos Esperanton en ĉiam kreskanta mezuro kaj rigardos ĝin serioza helpilo en komercaj aferoj. *Otto Pilhofer.*

* * *

## La tria internacia Kongreso de la Katolikaro

organizita de „Ika" (Internacio Katolika) en Graz okazos konsente kun la ĉefepiskopo D-ro Fritz de Friburgo 10ᵃ — 15ᵃ de aŭgusto 1923 en Konstanz (Bodensee). Ĝi pritraktos la internacian kunlaboradon de la katolikaro en la religia, socia, kultura agado. La dua Kongreso en Luksemburgo (aŭgusto 1922) decidis, uzi Esperanton kiel unuecan tradukan lingvon, se eble eĉ kiel unuan diskutadan lingvon.

* * *

## Antaŭ-Kongreso en Parizo 28ᵃ — 30ᵃ de julio 1923.

La esperantistoj de la Pariza Regiono organizas antaŭkongreson en Parizo de la 28ᵃ ĝis la 30ᵃ de julio 1923. La Antaŭ-Kongreso konsistos en: vizitado de la urbo kaj de Versailles, teatro kaj komuna festeno.

La aliĝo estas fiksata laŭ tiu bazo:

| | |
|---|---|
| Francoj . . . . . . . | 5 francaj frankoj. |
| Belgoj . . . . . . . | 5 francaj frankoj. |
| Svisoj . . . . . . . | 5 svisaj frankoj. |
| Amerikanoj . . . . . . | 1 dolaro. |
| Hispanoj kaj Katalunoj . | 5 pesetoj. |
| Nederlandanoj . . . . . | 2 guldenoj. |
| Angloj kaj britaj kolonioj: | 5 ŝilingoj. |

Sendu ĉiujn komunikojn, kun respondkupono kiam necesas, al S-ro P. Petit, Ĝenerala Sekretario de la Antaŭ-Kongreso. 59, Rue de Neuilly, Rosny-sous-Bois, Seine, Francujo.

* * *

## Reformo de l' kalendaro.

La jaroj estas tempaj individuoj, ne nuraj ekzempleroj de fundamenta tipo. Ĉu pripensis tion la proponintoj de la terura unuformeco kiun ili volas trudi al niaj jaroj unu rilate al la alia? Ĝuste kaj nepre la de jaro al jaro varianta semajntagdatumado, kunhelpate de la ĉiam pli malpli variantaj okazantaĵoj individuigas la jarojn tiom kiom necesigas la religiaj, historiaj kaj sociaj postuloj.

La unu-du ekstertricentsesdekkvarajn tagojn (la 366ᵃⁿ, en superjaroj la 183ᵃⁿ kaj la 366ᵃⁿ) oni ja intencas fari ankaŭ ekstersemajnaj (kaj supozeble sennomaj), tiel ke ili rompos la regulan ritmon de la semajnoj. Sed la semajno estas sankta (Gen. 2,2), tial ekstersemajna tago preskaŭ etika maleblaĵo. Ni ankaŭ memoru ke la ĝisnunaj reformoj de la kristana kalendaro lasis la semajnon (t. e. la septagan ritmon mem) netuŝata, tiel ke ekzemple ĵaŭdon, la 4ᵃⁿ de oktobro 1582 sekvis vendredo, la 15ᵃ (ne lundo, la 15ᵃ); alivorte malgraŭ ŝanĝo de l' datado oni daŭrigis laŭ bona ordo la jam komencitan semajnon.

Sekve ni esperantistoj devas, pro nia sufiĉe konata kaj ĝuste rekomendata neŭtraleco, prefere kontraŭbatali ol subteni la pritematan reformprojekton (v. ekz. „Esperanto", N-ron 263—64), kiu tute ne estas neŭtrala sed kaj kontraŭnatura kaj kontraŭreligia. Plie oni nomas ĝin praktika, dum ĝi male estas stranga nepraktikaĵo. *H. Bonnevie, Kristiania.*

# Esperantista Parolejo.

## Oni laŭdas!

*Ni presigas en ĉi tiu senpaga rubriko dankojn nur pri gravaj servoj plenumitaj de delegitoj.*

**La Esperanta Grupo en Odessa** dankas S-ro B. Lebedinskij en Czernovic (Rumanio) kiu ĝin malavare helpis per abono de gazeto.

S-ro **V. Vozdvijenskij** en Odessa korege dankas la aninojn de „Rondeto" en Praha, al F-ino C. L. Butler el New York pro sendo de pakaĵoj pere de A. R. A., al F-ino J. Pervé (Antwerpen), F-ino Guldemont (Helsum, Nederlando), S-ro Holger Hansen (Holback, Danio), M. Schafroth (Svislando), J. Fazel (Topeka, Usono), D-ro Austerlitz (Bardiov, Ĉeĥ.) pro monsendaĵoj kaj konsoligaj leteroj.

S-ro Pastro **I. Seriŝev** en Ĥarbin, Ĉinio tre dankas la japanajn samideanojn kiuj helpis lin dum lia 2½ jara restado en Japanio inter aliaj S-roj D-ro Osida, inĝ. K. Ossaka, stud. T. Fujima, veterinaroj Jamanoo kaj Macuba, socialistoj K. Fukuda, Aizaka, ĵurnalisto Takao, komercoficisto G. Sakamoto, studento Jagi, S-inon Takahaŝi, S-ron Ŝimazake, Sató, Asada, profesoroj, studentoj kies nomojn li forgesis, kaj ĝenerale la tuta japana samideanaro.

S-ro Pastro Seriŝev ankaŭ senfine dankas S-ron Ed. Tamm el Nömme (Estonio) pro lia amikega helpo al sia familio en Altajo (Siberio) kaj transdono de leteroj.

S-ro **A. Sohrmann** el Weinböhla kore dankas S-ron van Heek, Hengelo, S-ino Mammen el Grenaa, S-ron Müller el Landau pro grava mondonaco.

S-ro **Schreibler,** Wurgwitz-Dresden tutkore dankas al S-ino Mammen, Grenaa por valora mondonaco, kiu ebligis al liaj Esp. devig.-klasoj organizi festeton; plie al S-ro Groarty, New York por 60 dolaroj, per kiuj ricevis okaze de la lasta Kristnasko tre valorajn vestaĵojn 52 malriĉaj infanoj. La tre malavara infanamiko Usona plenumis per sia donaco skribitan laboron de la knabinoj: „Kion deziras germana knabino el New York." La knaboj ricevis siajn donacojn laŭ bone faritaj desegnaĵoj.

S-ro **Ippolito Piatti** el Milano korege dankas en la nomo de la Itala Karavano la samideanojn: S-roj Tressel, Kock k. a. el München; S-ro D-ro A. Ledermann el Nürnberg; S-roj Kötz, Prof. D-ro Dietterle, F-inoj Wunderlich, Jenscky k. a. el Leipzig; S-roj Schwaiger, Riemann kaj aliaj el Berlin; F-ino Nickel el Potsdam; S-roj Senf, Fritz Ehlers, Hoffmeister, Bünemann el Hamburg; S-ro Moebusz el Lübeck k. a.: S-ro Krieger el Stettin; S-roj Hallor, Härnqvist k. a. el Stockholm; S-roj Rybo, Blicher, Jorgensen, Krejl, Taumose, Asmussen k. a. el København; S-roj Pohle, Fürth, Stettmacher k. a. el Dresden kiuj afable akceptis kaj helpis korege la italajn gesamideanojn dum ilia vojaĝo al kaj el Helsinki.

S-ro **J. M. de Villa** en Habana, kaj lia edzino, dankas al S-ro Burgermeister, D. en Basel, pro servo farita al ili dum ilia vizito en tiu urbo. Al S-ro Jakob, Ĝenerala Sekretario, kaj lia edzino, pro ilia eksterordinara afableco dum kvartaga restado en Genève. Al F-ino Cécile Royer kaj ŝia fratino S-rino Aguettant, ĉar dum pli ol unu monato ili ambaŭ ĉiam ĝentile kaj afable servis al ili plej sindone en Paris. Al S-ro Lobut, D. en Paris, pro servo. Al S-ro Narita, pro ĝentilaĵoj. Al S-ro M. Van Aelst, VD. en Bruxelles, ĉar dum dekok

monatoj li zorgis pri ilia korespondado kaj multaj aliaj aferoj, plej efike, sindone kaj rapide.

S-ro **Karl Bartel,** Graz (Aŭstrio) kiu gvidis karavanon de dek personoj de Graz al Barcelona kaj alian de Gerona (Hisp.) al Graz, korege dankas la Del., kiuj helpis lin dum tiuj vojaĝoj. S-roj Franz Watzinger, Villach, Giovanni della Savia, Udine, Giuseppe Santin kaj Giovanni Bonini, Venezia, Ippolito Piatti, Milano, Luigi Pollini, Bordighera, Celestin Roncati, Nice, Prof. José Casanovas, Gerona, kaj tiujn de Sampierdarena kaj suda Francio, kiujn li pro ŝanĝo de horaro ne povis renkonti.

S-ro **Boris P. Kavalĝiev** dankas korege UEA reprezentata en Wien de S-ro D-ro Edmund Sós kiu faris al li gravan servon.

# Esperantista Vivo.

**Naskiĝoj.** — Al Ge-roj *F. Pakker,* VD. en Rotterdam naskiĝis dunaskitoj: filo nomita Cornelis kaj filino nomita Francina.

Al Ge-roj *Jules Perlet* en Bern (Svislando) naskiĝis filo nomita Paul, Rudolph.

Al G-roj *Lydia* kaj *Max F. Schafroth* en Burgdorf (Svisl.) naskiĝis filo nomita Max, Robert.

Al Ge-roj *W. Röhner* en Heidenau (Germanio) naskiĝis filo nomita Heinz, Joaĥim.

Al G-roj *F. W. Hipsley* en Stockholm naskiĝis filineto nomita Ingrid, May.

Al Ge-roj *Naranjo Teran* el Jerez de la Frontera (Hisp.) naskiĝis filo nomita Antono.

**Fianĉiĝo.** — F-ino *Zäzilia Ehart* en Salzburg kun S-ro *Hans Hörtenhuber.*

**Edziĝoj.** — S-ro *Ludoviko Gastanaga* en Bahiá Blanca kun F-ino *Clara I. Binier* el Saavedra (Argentino).

S-ro *Salomono Liberman* en Bialystok kun F-ino *Ida Gutman.*

# Niaj Mortintoj.

Kun bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

S-ro **Leonid Ivanoviĉ Moskvin** el Kachin (Rusio) instruisto, malnova pioniro de Esperanto, mortis pro forta organisma konsumiĝo, sekve de malsato. *E. Y.*

S-ino **Lotte Steinhauer,** edzino de Hugo Steinhauer, prezidanto de Unua Esp. Uniiĝo kaj VD. de UEA, Vieno. La Uniiĝo perdis en la ŝatata mortintino sian plej fidelan membron.

S-ro **Jeronimo Boris,** tre malnova samideano, kunfondinto de la unua esperantista grupo en Gerona (Hisp.), kaj eksdelegito de UEA en ĉi tiu Kataluna provinca ĉefurbo, mortis la 16^an de lasta decembro. Lia neatendita morto kaŭzis profundan ĉagrenon al la tuta Gerona samideanaro. *J. C.*

S-ro D-ro **Aleksandro Epstein,** esperantisto en Bialystok.



**J. W. Sevenhuysen,** prezidanto de la klubo „Komprenado faras pacon" en Haarlem (Nederlando), prezidanto de la Tutmonda Uniiĝo de Instruistoj kaj honora prezidanto de la Ĝeneva Konferenco mortis la 10^an de februaro kaj estis entombigata la 14^an en Haarlem. La tuta esperantistaro ploros kun F-ino Sevenhuysen la morton de ŝia kara patro, kiu estis unu el la plej amataj gvidantoj de nia movado.

Ankoraŭ al la Ĝeneva Konferenco li partoprenis, malgraŭ danĝera kormalsano, kiel delegito de la Nederlanda Ministrejo por Instruado. Li mem instruis la lingvon en publika lernejo de sia urbo kaj faris en Ĝenevo neforgeseblan paroladon pri la morala influo de tiu studo ĉe junuloj. Eĉ la Ĝeneva publiko, nescianta Esperanton, sentkomprenis la noblecon de liaj vortoj ĉe la Universitato.

Lia tuta karaktero, liaj bonkoraj okuloj kaptis ĉies korojn. Fervoro, frateco, homeco brilis en lia rigardo kaj sentiĝis en lia konduto. Tian purecon de animo li havis, ke li trairis la vivon kvazaŭ infano matura kaj saĝa, sed eterne juna. Lian longan sindonon al Esperanto kaj lian amindan personecon ni ĉiuj memoras dolorante pri lia perdo kaj dankante ke ni konis lin. *Edm. P.*

S-ro **Franz Rogler** mortis 26 jara la 3^an de januaro en Graz. Li estis malnova esperantisto, membro de UEA kaj estrarano de l' Esperanto - Societo por Stirio. Lia ĉiama gajeco igis lin amata de ĉiu. Multaj funebrantoj akompanis lin ĝis la lasta ripozejo, kie la delegito adiaŭis lin per esperantlingva paroladeto.

S-ro **Johannes Mert,** mortis pro tifo dum somero 1922 en Odessa. Li estis esperantisto de 22 jaroj.

## ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 61.**
Pastro *Norman Munro*, Edinburgh.
(Originalo.)



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 62.**
*A. Munck*, Skovshojrup.
(Skakbladet 1910.)



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 63.**
*R. J. Wright.*
(Norwich Mercury 1903.)



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 64.**
*Jaroslav Genttner*, Praha.
(Československ. Noviny 1922.)



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 65.**
*J. Fridlizius*, Göteborg.
(„370 utvalda svenska Schaakproblem.")



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 66.**
*R. Svoboda*, Praha.
(Originalo.)



Sinmato per la 6-a movo.

La hodiaŭa sinmato solvas belan ideon: kiel mati per Peono kaj Kuriero. Jen la movoj: 1. Tc1, f4, 2. Kc8+, Ra8, 3. Da2, f3, 4. Tf1, f2, 5. Dd5 + Kb7, 6. Dc6, K × c6 mato.

*Solvoj de la problemoj:*

**N-ro 58:** 1. Db2 — f2 ktp. **N-ro 59:** 1. De4 — b1 ktp. **N-ro 60:** 1. Tf6 — f5 ktp.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

N-ro 53, 54, 55, 56: O. Poláček kaj V. Čánský, Praha (Ĉeĥoslov.); N-ro 54, 55, 56: Aŭg. Brivul, Riga (Latvio); Manuel Esteban, Madrid (Hisp.); A. Michel, Zittau (Germ.); N-ro 54: R. Koerselman, Voorst (Nederl.)

*Korespondo:* R. K., Voorst, en 55. post Te4 — h4 defendo D×d7, en 56. post Db3, Rb1, Dd1 +, Dc1. S. F., Paris, en 54. Db1 ne eble pro a2 × D, en 55. post Th2 — e2, D × d7 sen mato.

**Szombathely.** — S-ro Engĉno Török, Templom tér 5, PI, sporto, fotografaĵoj, papermono, G. M.
**Szombathely.** — S-ro Géza Kengyel, Fabriko Pohl, PM, PI k. ĉ. l.

## Italio.

**Firenze.** — S-ro Gino Sodini, via Vigna Nuova 1 (4), PM k. ĉ. l.
**Pisa.** — S-ro Cesare Moschini, Casella Postale 1, PM, PI, papermonoj.

## Jugoslavio.

**Darurvar.** — S-ro Otto Sobotka, PM, PI k. ĉ. l.
**Zagreb.** — S-ro Boja Skalický, oficisto de ĉeĥoslovaka konsulejo, PI, bfl k. ĉ. l.

## Pollando.

**Czestochowa.** — S-ro Fr. Bartoszek, PM.
**Dzviniač** p. Dupliska. — S-ro Adam Sochacki, 26-jara instruisto, L, PI, fot-aĵoj, esp-aĵoj k. ĉ. l.
**Kościerzyna** (Pomorze). — S-ro Kazimiro Welc, studento, Seminario, PM, PI k. ĉ. l.
**Wiele 64** (Pomorze). — S-ro Leonardo Romualdo Brzeziński, studento, pow. chojnicki, k. ĉ. l. PM kaj monbiletojn.

## Rumanio.

**Teiuš 2.** — S-ro A. Toader, poštestro, kolektas portretojn de aktorinoj kaj belulinoj.

## Svedlando.

**Falun.** — S-ro Nils Lindvall, gimnazia studento, Asgatan 73, PI, L k. ĉ. l.
**Malmö.** — Phil. Mag. J. Petersson, interŝanĝas sincere PM.

## Svislando.

**Le Locle.** — S-ro E. Pétremand, Nouvel Hôtel de Ville, PM.
**Lugano.** — S-ro Aloysio Cappello, Dir. de la jurista Societo „La Difesa", via Maghetti 2, PI, PK, PM, esp.-aĵoj kaj fotografaĵoj (sportoj, belartoj, pejzaĝoj ktp.).

## Ameriko.

**Bahía Blanca** (Argentino). — S-ro Angel Di Santi, Str. O'Higgins 90, PI k. ĉ. l.
**Bahía Blanca** (Argentino). — S-ro Vincento Orlando, Str. Santa Fé 77, PM (PK kaj L nur kun fraŭlinoj).
**Coronel Pringles F. C. S.** (Argentino). — F-ino Julino M. Yurrita, Str. Bmé Mitre 171, PI k. ĉ. l.
**Coronel Pringles F. C. S.** (Argentino). — F-ino Maria A. Carletti, "Blanco y Negro", PI k. ĉ. l.
**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro José Catala, Calle Uriarte 485 Talleres F. C. S., PM rekomendite.
**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro Juan Navarro, Calle S. Martin 485 Talleres F. C. S. PM rekomendite.
**Moundsville,** W. Va (Usono). — S-ro Herbert M. Scott, 1312 Purdy Ave., kunredaktoro de Amerika Esperantisto, PM, prefere kun malnovaj filatelistoj aŭ ekstereŭropanoj. Nepre ne sendos unue.
**Rosario (Sta. Fé)** (Argentino). — S-ro Carlos E. Siburu Gerlach, universitata studento, Laprida 1146, PK, L k. ĉ. l.

## Aŭstralazio.

**Semarang** (Java). — S-ro Liem Tjong Hie, juna studento, Kranggan Wetan 19/21, k. ĉ. l. gejunuloj L, PI, PM, tutaĵoj kaj parolaĵoj.

## Azio.

**Fukuoka** (Japanio). — S-ro K. Munakata, Fukuoka kotogakko, 19-jara studento, PI, PM k. ĉ. l.
**Kioto** (Japanio). — S-ro Takeo Karakaŭa, Dai- 3 - kotogakko, PI, PM, esp-aĵoj.
**Nagoja** (Japanio). — S-ro Yoshi G. Ishiguro, P. O. Box 46, PI, L, esp-aĵoj k. ĉ. l.

# JUNULA KORESPONDADO

**Por ĉi tiu rubriko rezervata al junuloj maksimume 17-jaraj oni bonvolu indiki la aĝojn.**

**Wurgwitz - Dresden** (Germanujo). — S-ro Krumbiegel, instruisto kaj 40 infanoj, 12—15-jaraj, PI, L, PM kun eksterlando.

# PETOJ KAJ PROPONOJ.

**Aforismojn** kolektas Van Doorne, Vliegerstraat 28, Rotterdam. Ankaŭ aĉetas kolektojn.

**Al memoro de Petöfi** la fama poemo estas dediĉita parto de la kristnaska numero de Literatura Mondo! Ilustrita, riĉenhava, unika en esp.-gazetaro! Mendu ĝin tuj! Por neabonantoj nur kelkaj numeroj rezervitaj! Eldonejo: Budapest VI, Andrássy ut. 81. Prezo: 1 sv. fr. aŭ egalvaloro.

**Alpinistoj** kaj ekskursantoj interŝanĝus fotografaĵojn, ideojn kaj informojn pri la ekskursa vivo. Quirino Imeldi, Casaregis 25 A, Genova (Italio).

**Astrologio.** Mi interpretas horoskopojn science-ekzaktajn. Mi bezonas: ekzaktan nomon, naskiĝtagon kaj horon, naskiĝlokon kaj 20 liniojn de via manskribo (pro kunuzo de grafologio). Mi liveras la horoskopon laŭvice de la mend-alvenoj. Ĉiu horoskopo enhavas ĉirkaŭ 10 grandajn paĝojn kaj donas sciigojn pri karaktero, intelekto; korpa aspekto, vivo, malsanoj, estonto ktp. Prezo (antaŭpago): 1 D. (1 dolaro usona) aŭ sama valoro en naciaj monbiletoj per rekomendita letero. (Vidu la anoncon sur la lasta paĝo!) Adr.: K. O. Schmidt, Toosbürstr. 5, I. Flensburg, Germanujo.

**Filatelistoj.** Bone por interŝanĝo! Kolekto de 1250 (stampitaj) poŝtmarkoj estas aĉetebla. Diversaj poŝtmarkoj el multaj landoj! Bonvolu turni vin kun prezproponoj al: Bernard Mulewski, konwikt, Chojnice, Polio.

**Filatelistoj!** Mi interŝanĝas 30 PM ĉeĥoslovakajn, diversaj serioj por la sama nombro da ĉiulandaj (ne Germanio kaj Aŭstrio). Jaroslav Svoboda, studento, Praha VII, Šnellova 29.

**Filatelistoj!** Al tiu, kiu sendos PM de sia lando (minim. 100 pecojn nedifekt.), mi sendos samvalorajn tuj interŝanĝe laŭ katalogo Michel de mia lando. O. Weber, urba oficisto, Praha VIII, 1010, Ĉeĥoslovakio.

**Fotografaĵoj.** Alexander Struthers, Church Street 14, Partick, Glasgow, Britio. — Sendu tri malgrandajn fotografaĵojn de via lando, mi laŭvice sendos tri de Skotlando.

**Hungarajn poŝtmarkojn** mi sendas interŝanĝe laŭ katalogo Michel 1923 al tiu, kiu precipe el Aŭstrio, Jugoslavio, Rumanio, Germanio, Danzig, Saarregiono, Memelregiono, Ĉeĥoslovakio, uzitajn kaj neuzitajn markojn sendas laŭeble en serioj en rekomendita letero. Mi atendas la unuan sendon. La koverto estu bele PM-umita! Stefano Nagy, juĝeja notario, Gyula, Departm. Békés, Hungario.

**Knabina** Lernejo en Rougemont Vaud, Svisio. Rapida kaj facila lerno de franca lingvo kaj stenografio (3—6 monatoj). Mastrumado. Itala, angla lingvoj, sportoj. Aerkuracejo por brustmalforteco. Lakta dieto. 100—150 fr. Direktoro: S. Saugy.

**PM ĉeĥoslovakaj** tre malkare vendas (interŝanĝas ankaŭ laŭ Yvert, Zumstein, Michel). Jaroslav Mendík, Praha II, Marianská 2, Ĉeĥoslovakio.

**Por elekto** mi sendos 50—100 poŝtmarkojn de Polio, Litovio, Danzig kaj plebiscitregionoj. Deponpagon oni sendu al: St. Kowalewski, Bydgoszcz, Welniany Rynk 15, Polio.

**Propagando por Esperanto por sukeraĵoj.** La firmo Gruber & Böhm, Pécs, Király str. 8, Hungario, fabrikas sukeraĵojn, bombonojn, kiujn ĝi pakas en papero kun verda stelo kaj propagandfrazo por Esperanto. La sukeraĵoj faras bonan propagandon en Pécs por Esperanto. Kilogramo kostas sv. fr. 2.50.

**Samideanino,** dezirante vojaĝi en Francujo, Italujo, Svisujo, Holandujo kaj Belgujo, volas havi adresojn de Esperantistoj, de kiuj ŝi povos lui dormĉambron. F-ino Ireland, 10, Eaton Road, Hove, England.

**Y. M. C. A.** Kun amikoj el Kristanaj Asocioj de Junaj Viroj (ankaŭ el aliaj kristanaj unuiĝoj) de la tuta mondo serĉas korespondadon. Bruno Beckmann, Berlin-Charlottenburg, Wilmersdorferstr. 152, Germanio.

# INTERNACIA KOMERCO

**Agentejo — Eksporto.** Afrikaj produktaĵoj: lano, haŭtoj, alfo, zostero (vegetalaj haregoj, fr.: crin végétal) ktp. F. C. Mende, rue Henri-Martin 19, Alger (Alĝerio).

**Eksporto** de patentitaj teknikaj artikloj por ĉiutaga uzo. Aĉeto kaj vendo de patentoj. A. B. G. Senff, Hamburg, 17, Alsterdamm.

**Gesamideanoj** helpu enkonduki Esperanton ĉe la komercistoj kaj industriuloj, donas komisiojn. Komisiojn por ĉiuj fakoj akceptas: P. Becker, Mainz a.Rh., Augustinerstr. 58.

**Grava.** Necesega al ĉiuj. Kalkulilo por poŝo. Sama utileco kiel grandaj maŝinoj. Rapideco. Neniam eraroj. Kun ĝi oni faras rapide: adiciojn, substraktojn, multiplikojn, dividojn; oni kalkulas facile rentumojn, diskontojn. Afrankite kaj rekomendite 130 francaj frankoj. Modelo kun piedestalo por skribotablo 150 francaj frankoj. Emy, 8 Rue Verjus, Suresnes (Seine), Francio.

**Hindo** el Bombay, loĝanta en Eŭropo de 10 jaroj, havas grandan sperton pri eksporto kaj importo kun Brita Hindio, deziras esti partoprenanto aŭ prokuristo en respektinda firmo en Eŭropo. S. N. Sindhwad, poste restante, Hamburg.

**Latunaj** rululoj por farado de bombonoj 7", $4^3/_4$, $3^1/_4$ coloj, taŭgaj por maŝinoj Brierley & Colliers. Ĉiuj modeloj kiel fiŝoj, pilkoj, kukoj, ĉiuspecaj fruktoj estas faritaj laŭ mendo. Rapida livero. Malaltaj prezoj. R. Chadwich, c/o, 10, Maxwell Street, Bury, Lancs, England.

**Reprezentadon** de eksterlandaj firmoj por Rumanio akceptas kaj estas preta aranĝi tenejon S-ro Adalberto Toader, poŝtestro, Teiuš 2, Gara (Rumanio).

**Tabako.** S-ro Georgi D. Kafaliev, ulica Djustabanov 39, Plovdiv, Bulgario, deziras rilati kun tabakkomercista firmo, peras je tabakkomercado.

## Brodaĵoj.

Belajn svisajn brodaĵojn, la kilogramo 50 Frankoj svisa valoro, sendas kontraŭ enpago de tiu-ĉi sumo
*Charles Weyermann, Rorschach, Svislando.*

Nia kara Edzo, Patro kaj Zorgopatro, Sinjoro

**J. W. Sevenhuysen**

mortis hodiaŭ en la aĝo de 64 jaroj.

Vidvino J. C. Sevenhuysen-Steenhoek, Haarlem.
Nelly Sevenhuysen, Haarlem.
Aug. M. J. Sevenhuysen, Haarlem.
Marg. E. Sevenhuysen-Schoorl, Haarlem.
A. W. Sevenhuysen, Rotterdam.
P. J. Sevenhuysen-Wervers, Rotterdam.

*Haarlem* (Holland), la 10-an de Februaro 1923.
Leidschevaartweg 123.

